VIIIa jaro. N° 115 ★ Duonmonata ★ 20 Januaro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 Ş (5 fr. »)
Luksa eldono . . . . . 2,50 Ş (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## BILANCO

Ĉar nova jaro sin prezentas antaŭ ni por nia esperanta laboro, taŭgas fari la bilancon de nia agado, sumigi tion kion ni jam akiris, mezuri la vojon, kiu restas trairota kaj priserĉi, kiuj projektoj estas efektivigeblaj dum la venontaj monatoj.

Kiel ĉiam, nia paca armeo ĝoje kaj kuraĝe laboris por la atingo de nia celo. Sur la kampo de la propagando, ni ricevis valorplenajn kuraĝigojn. La altaj aproboj ne mankis al ni. Sir Vezey Strong, ĉefurbestro de Londono, kiu tiel afable akceptis D-ron Zamenhof en la Guildhall en Londono, post la kongreso de Cambridge, bonvolis doni al ni sian varman subtenon. Same kiel la francaj deputatoj Justin Godard, Lucien Cornet kaj la ĉefministro de Nov-Zelando, Sir Joseph Ward, li akceptis la titolon de Honora Membro de U. E. A., kaj dum la vojaĝo, kiun li antaŭ ne longe faris en Aŭstrio, li parolis pri nia afero al diversaj eminentuloj de tiu lando, notinde al la princo de Bohemujo.

Niaj Parizaj kunbatalantoj ankaŭ ne perdis sian tempon. Oni rememoras pri konkurso organizita de la granda ilustrita gazeto *Excelsior*, kiu, per duoblaj tradukoj de franca lingvo en Esperanton kaj diversajn lingvojn kaj poste, de tiuj lingvoj denove en francan lingvon, pruvis, ke nia Esperanto plej bone taŭgas kun la itala por la ĝusta traduko de franca teksto. Tiun konkurson sekvis multaj intervjuoj pri nia afero. S-ro Tristan Bernard, fama verkisto aŭtoro de la humorplena komedio « La Angla lingvo tia, kia ĝi estas parolata », kiu partoprenis en la organizado de tiu konkurso kun la du aliaj literaturistoj S-ro Alexandre Hepp kaj Abel Hermant, en multaj gazetartikoloj konigis sian admiron pri nia lingvo.

Unu el la plej sukcesplenaj kaj fruktodonaj fondaĵoj de la agema Pariza grupo estas la ĉiumonataj Esperanto-manĝoj, en la Hotelo Moderne. Ilin ĉeestas regule tre eminentaj personoj el la politikaj, universitataj, industriaj rondoj. En tiu de la dekdua de decembro ĉeestis S-ro Michelin, la tutmonde konata pneŭmatikfabrikisto, kiu la lastan jaron donacis premion da 40.000 Sm. al la aviadisto Renaux pro lia aeroplana veturo de Parizo al la supro de la monto Puy-de-Dôme, kun pasaĝero, en malpli ol ses horoj. S-ro Michelin estas konvinkita, ke post nelonge oni povos facile flugveturi je la rapideco de pli ol 400 kilometroj hore trans la limoj de la nacioj, kaj ke tiam internacia lingvo fariĝos nepre necesa por la aviadistoj kaj iliaj pasaĝeroj. Pro tio la progresema industriisto konigis, ke li metas je la dispono de la francaj esperantistoj ĉekon da 8.000 Sm. disdonotaj al la junuloj, kiuj, en Francujo, lernas nian lingvon. Jen bela kristnaska donaco : ni esperu, ke similaj baldaŭ sekvos.

Eĉ en la landoj, kiuj antaŭ nelonge eniris en la civilizan movadon, nia afero kontentige prosperas. Esperanto estis oficiale enkondukita per dekreto de la princo, en ĉiujn lernejojn de Samos ; ĝi fortike enradikiĝis en Persujo, en Jerusalem, en Ĥinujo ; en Ŝanghai, notinde, U. E. A. havas 100 membrojn, ĉiuj ĥinoj. En Eŭropo, nia movado faras rapidajn progresojn en Portugalujo kaj la agemeco de niaj italaj samideanoj esperigas, ke baldaŭ tiu lando estos en la unua vico por la disvastiĝo de Esperanto. Tre kuraĝiga por ili estas la tre afabla akcepto ĵus farita al nia komitatano S-ro E. Privat de la plej eminentaj personoj de Italujo La reĝo mem atente aŭskultis de nia agema samideano la unuan lecionon pri nia lingvo, kun granda interesiĝo petis klarigojn pri la gramatiko kaj la elparolado, kaj informiĝis sin pri la nuna stato de nia movado. Li eĉ pruvis, ke li jam

donis atenton al la klopodoj de niaj italaj amikoj, ĉar li sciis kiom grava estas la Esperanto-fokuso en Genova, kaj ke tie nia lingvo estas instruata en pluraj lernejoj. Kun la sama afableco, la ministro de la Publika Instruado, la prezidanto de la popolaj Universitatoj kaj la Komitato de la Itala Turing-Klubo akceptis S-ron Privat, kaj ni povas esperi, ke dank al la helpo promesita de ili, niaj kunbatalantoj en Italujo povos prepari por 1913 brilan Esperanto-Kongreson.

En la ekspozicioj kaj kongresoj ni faris bonegan propagandon. Ni memorigu la gravan raskongreson en Londono, kie nia majstro faris paroladon tre rimarkitan, la ekspoziciojn de Torino, Roma, de Berlino kaj Dresdeno, kie estis aranĝitaj tre interesaj esperanto-sekcioj multe vizititaj.

Inter la gravaj progresoj, kiujn ni devas noti por la ĵus pasinta jaro, ni faru bonan lokon por la rimarkinda pliriĉiĝo de nia literaturo. Ne parolante pri sennombraj tradukoj, ni plezure konstatis la aperon de belaj originalaj verkoj nome poemoj kiel *Unuaj agordoj* de Elski kaj Elska, *Per Espero al Despero* kaj *Kion la vivo alportis* de nia nova poeto D-ro Schulhof, *Sableroj* de nia reĝino S-ino Hankel. En prozo ni plezure legis verkojn pri la plej diversaj temoj nome la bonegan *Demandaro* de Ladevèze, kiu respondas al vera bezono por la novebakitaj kaj eĉ por la nenovaj esperantistoj; rakontoj pri vojaĝoj kiel, *En Rusujo per Esperanto* de A. Rivier, *En Belgolando, Holando kaj Anglujo per Esperanto* de di Rienzi k. c. Fine, ni citu la tre dikajn kaj plej altvalorajn librojn de Prof. Vœrœs pri geometrio absoluta, la unuajn verkojn vere seriozajn, havantajn gravan sciencan signifon, kiujn aŭtoro verkis originale en nia lingvo. Kiu kuraĝos dum la nuna jaro sekvi lian bonan ekzemplon kaj verki esperante filozofian, historian aŭ ekonomian seriozan libron? Kiu komprenos, ke nun nia popolo, se ĝi ne estas ankoraŭ tre granda, enhavas tamen multe da kleraj homoj, ke ĝi estas inda, ke oni skribu por ĝi seriozaĵojn? Kiu donos al ni originalan novelon, en kiu oni priskribos ne lokajn aŭ naciajn sentojn kaj kutimojn, sed en kiu oni montros al ni mensojn simple homajn, estaĵojn pensantajn supernacie kaj sin movantajn en tiu speciala medio kun kiu ni konatiĝis en la esperantistaj kunvenoj kaj kongresoj?

* * *

Dum la lasta jaro tute speciale progresis nia U. E. A. Kvankam la kotizaĵo estis iom altigita, la nombro de niaj membroj iomete plialtiĝis, de 7.000 ĝis 7.804. La nombro de la Esperantiaj entreprenoj multe kreskis ; jam por 1912 ni havas 280 el kiuj 170 estas, esperantistaj grupoj aŭ societoj; aliaj estas multaj tre konataj komercaj firmoj ĉiulandaj aŭ internaciaj Societoj neesperantistaj.

Estis eldonitaj sub niaj aŭspicioj gvidfolioj entute por 60 urboj, kaj kelkaj tre belaj gvidlibroj en la mondformato nome tiuj de Le Creusot, tra Bosnio-Hercegovino, tra Dresdeno.

Unu el la plej utilaj kaj sukcesplenaj laboroj faritaj per U. E. A. kaj sub ĝiaj aŭspicioj estas la paroladaro komencita antaŭ 8 monatoj de S-ro Parrish pri Kalifornio. Ĉar S-ro Parrish ne paroladas pri Esperanto. sed per Esperanto pri unu el la plej interesaj landoj, kiuj ekzistas sur nia terglobo, kaj ĉar li samtempe sin helpas per belegaj koloritigitaj lumbildoj, li havas la privilegiojn havi kiel aŭskultantojn ne nur la esperantistan publikon, sed ankaŭ personojn, kiuj neniam kredis, ke ili interesiĝos pri Esperanto, malnovajn esperantistojn jam senentuziasmiĝintajn, aŭ eĉ, kelkafoje, malamikojn de nia lingvo. Ĉiuj tamen komprenas la paroladon, ĉu senpere, ĉu per la traduko de la Delegito, kaj ĝuas ĝin; ĉiuj ankaŭ sentas, ke tiaj paroladoj ne povus okazi sen internacia komprenilo kaj sen la helpo de U. E. A., kiu per siaj Delegitoj, povas antaŭe aranĝi la ĉambron, reklami en la publiko, inviti la eminentulojn. La sukceso de S-ro Parrish estis tiel granda ke la imitantoj ekaperas. S-ro Hodges baldaŭ komencos parolvojaĝon pri Aŭstralio, dum nia komitatano Privat, rekomencante en Eŭropo tion, kion li faris en Ameriko kun tiom da talento, entreprenis serion da paroladoj pure esperantaj, kiuj jam liveris bonajn fruktojn kaj de kiuj ni povas ankoraŭ multe esperi.

La ĉefa laboro plenumita de U. E. A. en la lasta jaro estis ja la plifirmigo de sia organizo. Mi ĵus revenas de Ĝenevo, kie mi kontrolis la kalkulojn kun S-ro Evrot, Delegito en Chambery. Mi vidis tie tre kuraĝigan spektaklon. Nia sidejo, strato de la Bourse, 10, estas en la centro de Ĝenevo, en la plej bela kvartalo, tute proksime de la strato Général-Dufour, kie okazis la 2-a neforgesebla kongreso de Esperanto. Ni havas tie kvar ĉambrojn. Unu estas por la direktoro, S-ro Hodler ; la dua estas por la kasisto, S-ro Zirlin ; en la tria, laboras la ĝenerala sekretario, S-ro Fleck kaj unu oficisto pri la ĝenerala administrado ; en la kvara, unu oficisto zorgas pri la librejo kaj plenumas la mendojn.

En la tuta oficejo regas la plej granda ordo kaj vigla agemeco. La librotenado estas komparebla kun tiu de la plej seriozaj firmoj kaj asocioj. Ĉiu spezo estas duoble enregistrigata laŭ la amerika sistemo, kaj ĉiutaga bilancigo kaj kontrolado estas ebla. La tuta afero necesigas ne malpli ol dudek librojn, por la Centra Kaso, la kontoj de la Delegitoj, la librejo, la ĵurnalo *Esperanto*, la taglibro, la helplibroj por debitoroj, kreditoroj, esperantiaj entreprenoj, subtenantoj, aprobantoj, membroj de diversaj nove kreitaj sekcioj. Ĉiuj kalkuloj estas faritaj per spesmiloj kaj la kunkontrolantoj povis konstati, ke ĉio estas farata plej zorge kaj regule, de nia sindonema kasisto sub la lerta direktado de nia vicdirektoro S-ro Stettler.

En la dua ĉambro, estas farata pure administra laborado : tuja respondo al ĉiu ricevita letero (pli ol 50 ĉiutage !), transdono de mendoj al la librejo, enslipigo de novaj Delegitoj, de novaj membroj, de novaj fakanoj, de abonantoj, redaktado de la ĵurnalo, de la oficialaj bultenoj, cirkuleroj, enklasigado de la leteroj, k. c. En tiu ĉi laborado, ankaŭ grandaj progresoj estas faritaj. La dokumentujoj de la Delegitoj estas ĉiam en plej granda ordo kaj la taŭgeco de ĉiu el ili estas zorge kontrolata. Tiuj, kiuj iel ajn ne plenumas siajn devojn, sen valora kaŭzo, estas, post enketo, nepre eksigataj : pro tio ni havos pli kaj pli kompetentajn Delegitojn, kaj oni jam de nun povas plene fidi pri ilia taŭgeco kaj seriozeco.

La ĵurnalo *Esperanto*, kvankam persona propraĵo de la direktoro, estas unu el la plej gravaj radoj de nia organizo. La nombro de la abonantoj preskaŭ duobliĝis en la lasta jaro. La korespondantoj fariĝas pli kaj pli multaj kaj se la redaktantaro havas la ĉagrenon kelkafoje konservi tro longe la manuskriptojn antaŭ ol ili povos esti presataj, aŭ eĉ ĵeti kelkajn en la paperkorbon, la abonantoj kompense havas la plezuron legi nur artikolojn elektitajn inter la plej bonaj ricevitaj, kaj sekve, pli interesajn kaj pli bone verkitajn. Pri la korespondado, kiun prizorgas tre atente alia helpanto en Ĝenevo, pri la presado kaj la formato ni certe ankaŭ faris plibonigojn.

Resume, oni vidas, ke la tuta maŝino de U. E. A. estas plene konstruita per kvarjara klopodado kaj spertado. Nia devo estas nun laboradi por ke ĝi utile funkciadu por la uzo de niaj membroj. La nombro de informpetoj ricevitaj de niaj Delegitoj, la nombro de la esperantianoj helpataj dum voja-

# SOCIA VIVO

## Ĥinujo

### II.

*Eduka vidpunkto.* — La instruado de la junularo, de la plej malnovaj tempoj, altiris la atenton de la ĥinaj edukistoj. Ili instruis la junulojn pri literaturo, aliaj sciencaj branĉoj kaj krom tio donis al ili plej altan moralan edukadon. La instruadmaterialo entenis matematikojn, mekanikon, pentradon kaj muzikon, korpajn ekzercojn kiel skermado, ĉevalrajdado, pafado, k. t. p. Tiu edukado havis la rezultaton meti la Ĥinojn je la unua vico pri iliaj konoj de literaturo, ilia genio por la mekanikaj elpensaĵoj kaj por la belartoj. Sed kun la tempo oni flankelasis kelkajn el tiuj temoj, kiuj ĉesis esti en la programoj, kaj anstataŭ progresi, la edukado en Ĥinujo multe regresis. Tamen, de la momento de la naciaj reformoj, la edukado de la junularo denove tre serioze priokupis la ŝtatistojn kaj la tutan popolon, tiel ke oni jam alprenis energiajn decidojn por plibonigi tiun staton kaj instrui la geknabojn pri ĉiuj temoj, kiujn postulas moderna studprogramo.

*Lingvo.* — Je nia epoko de liberaj interrilatoj kaj libera komerco inter ĉiuj popoloj de l'mondo, estus tute urĝe posedi lingvon internacian. Tiu bezono estas ankoraŭ pli sentebla por la Orientuloj ol por la Okcidentuloj. Anglo aŭ Amerikano, kiuj lernis fremdan lingvon, ekzemple la francan, povas vojaĝi en Eŭropo aŭ aliloke kaj sin komprenigi sen malfacilaĵo. Ne same estas por la Orientulo. Li devas studi almenaŭ du lingvojn, ekster la sia, antaŭ ol havi dum vojaĝo la eblecon esprimi kion li deziras. La diversanaciuloj ofte malkonsentas, ĉar ili ne komprenas siajn reciprokajn sentojn kaj kondutmotivojn. Ĉiuj homoj, kiuj devas interrilati kun fremduloj, komprenos kion mi volas diri. Mi do multe rekomendus la alprenon de internacia lingvo, kiu tre helpus por favori la konkordon inter la popoloj.

En Ĥinujo kiel en la aliaj landoj de Oriento, oni pli multe parolas la anglan lingvon ol ĉiun alian. Tiu lingvo tamen havas multe da malperfektaĵoj. Ne ekzistas fiksaj reguloj, aŭ pli bone estas multe da esceptoj pri la reguloj de elparolado ; la stranga kaj neregula ortografio, la kapricoj de l'akcentado estas por la fremdulo preskaŭ nesuperebla malfacilaĵo. Por adapti la anglan lingvon al pli ĝenerala uzado, oni devus elimini la mutajn kaj neutilajn literojn, kaj unuformigi la regulojn de elparolado kaj akcentado. Mi permesas al mi peti la anglajn kaj amerikajn edukistojn, ke ili ekzamenu tiun demandon ; ĉiuj personoj, kiuj interesiĝas pri instruado, farus gravan servon al la homaro, se ili bonvolus entrepreni la reformadon de la angla lingvo. La hispana lingvo, pli simpla en sia konstruo kaj elparolado, estas pli facile lernebla ; sendube ĝi estus favore akceptata, se oni ĝin elektus kiel internacian lingvon. Mi do proponus, ke por solvi tiun malfacilaĵon, oni kunvoku kongreson, kiu konsistus el du aŭ tri delegitoj de ĉiu nacio, kaj ke oni rajtigu ĝin elekti per la plimulto unu lingvon, vivantan aŭ mortintan, difinitan por la tutmonda uzado (1).

*Interrasaj edziĝoj.* — La principo de la interrasaj edziĝoj estas, laŭ mia opinio, bonega, kvankam eble malfacile aplikebla. Se oni traktas la demandon el ĝenerala vidpunkto, ŝajnas nature kaj dezirinde, ke la Okcidentuloj kaj Orientuloj edziĝu unu kun la alia ; tio efektive estus la plej bona maniero disvastigi la homajn konojn kaj starigi inter la popoloj ligilojn de amikeco. Tamen, kelkaj el niaj kutimoj kaj vivmanieroj, kvankam bonegaj per si mem, estas tiel malsamaj ol tiuj de la Okcidentaj landoj, ke ili povas malplaĉi al la Okcidentuloj. En la lastaj jaroj, la Ĥinoj, speciale tiuj de la marbordo, alprenis kelkajn kutimojn kaj vivmanierojn de la Okcidentuloj. Estas eble, ke tiuj feliĉe kunvivas kun edzoj aŭ edzinoj venintaj el Okcidento ; ekzistas multaj interrasaj edziĝoj, kiuj liveris bonajn rezultatojn. Mi estas inklina kredi, ke kiam en iu lando multaj enlanduloj edziĝas kun fremduloj, tio estas signo de progreso. Oni pruvis, ke la infanoj heredas la karakterizajn ecojn de siaj gepatroj ; ĉar la Ĥinoj estas famaj pro sia pacienco, obstino, honesteco kaj praktikeco, ili sendube transdonus tiujn ecojn al la eŭropa-aziaj infanoj, kiuj tiel posedus la kvalitojn ambaŭparte hereditajn.

*Eksteraj rilatoj.* — Bonfido kaj reciproka respekto, tia devus esti la kondukanta principo de la nacioj, kiel de la individuoj, principo, kiu estas rekonata ne sole en Eŭropo kaj Ameriko, sed akceptita kaj praktikata ankaŭ en Ĥinujo. Estas vere, ke la cirkonstancoj ne estas la samaj en Ĥinujo kiel en Eŭropo aŭ Ameriko, sed eĉ farante al tiuj diferencoj ĉiujn dezireblajn koncesiojn, estas tamen evidente, ke la principo de justeco ne devus esti atakata. Dum jarcentoj, Ĥinujo nur tre malmulte rilatis kun la eksterlandaj nacioj. Tiun sintenadon kaŭzis la fakto, ke ĝia teritorio estis grandega, ĝiaj enlanduloj industriemaj kaj ĝia tero tiel riĉa, ke la produktaĵoj sufiĉis por la nutrado de la popolo. La registaro do ne instigis la elmigradon de la enlanduloj kaj, siaflanke, tiuj ĉi volonte restis en sia lando. Sed Ĥinujo ne eterne povis vivadi izole. Kun la kresko de la Eŭropa loĝantaro, pligrandiĝis la entreprenemo de la Eŭropanoj, kiu ilin

---

ĝoj estis jam multaj en 1910; estas nedubinde, ke ili estis multe pli multaj dum la pasinta jaro ; pri tio nin certe instruos la baldaŭ farota statistiko. Ĉiu Delegito de nun tralegu la de li ricevitajn leterojn kaj pretigu la elementojn por tiu statistiko, por ke ĝi estu kiel eble plej plena kaj ĝusta. Per ĝia publikigo en la esperantaj kaj neesperantaj jurnaloj, niaj membroj kaj la varbota publiko komprenos, kiom da servoj ili povas ricevi de niaj Delegitoj en la plej diversaj cirkonstancoj, por vojaĝoj, dungado, aĉeto aŭ vendado de komercaĵoj en fremdaj landoj, k. c.

Tamen, ne nur la Delegitoj de U. E. A. devas fari praktikajn servojn al la membroj. Nia Centra Oficejo kun la helpo de la diversaj nove kreitaj sekcioj havas du taskojn ; unue, taskon pure administran, kiun ĝi nun plej bone plenumas ; due, taskon pli videble utilan, ankoraŭ pli malfacilan kaj senfine plivastigeblan, nome mem entrepreni ĝeneralajn klopodojn por la ĝenerala profito de nia membraro kaj eĉ, okaze, de la neesperantista publiko. Ĝi jam plurfoje agis en tiu direkto. Per la diskonigo de la mondformato, la organizado de la paroladvojaĝoj, de karavanoj al diversaj kongresoj, per la zorgo alportita en la redaktado de la rubriko *Socia Vivo*, en nia jurnalo, kaj de la fakaj bultenoj, ĝi certe iagrade kontribuis en la forigo de la materiaj kaj moralaj baroj inter la gentoj, kaj en la edukado de la homamasoj.

Ĝi ne devas halti en tiu vojo. En nia lasta kongreso, oni voĉdonis deziresprimon, ke la Komitato de U. E. A. faru la necesajn klopodojn por helpi al tio, ke la vizito de la doganistoj ĉe la landlimoj okazu en la vagonoj. Pri tiaj klopodoj kaj, laŭeble pri aliaj similaj, sin okupos nia estraro dum la venonta jaro. Tial, oni aŭdos pri la agado de nia Asocio, komprenos ĝian rolon en la plifaciligo de la internaciaj rilatoj, kaj eĉ tiuj el niaj membroj, kiuj neniam bezonas uzi individue niajn servojn, sentos ke, per nerekta vojo, U. E. A. havas por ili, kiel por la tuta publiko, ŝatindan utilon, kaj ili daŭros ĝin morale kaj finance subteni.— Th. ROUSSEAU.

(1) La verkinto de tiu raporto, ŝajne, ne sciis pri la ekzisto de Esperanto, en la momento kiam li skribis la suprajn liniojn (Red.).

instigis trovi novajn agadkampojn. Ili do petis, ke Ĥinujo estu malfermata al ilia komerco. Je tiu epoko Ĥinujo ne komprenis, ke tiu peto estas justa ; ĝi tiam kredis, ke kun sia propra lando, ĝi povas fari, kion ĝi volas. Sed oni malmulte sin okupis pri ĝiaj politikaj deziroj ; oni pretendis ke nenia nacio rajtas izoliĝi. Senutile estas citi la diversajn koliziojn kaj disputojn, kiuj sekvis ; sufiĉos al mi diri, ke oni uzis la perforton por devigi Ĥinujon al la akceptado de la industrio kaj komerco fremdlandaj. Oni deklaris al Ĥinujo, ke ĝi devas malfermiĝi al ĉiuj fremduloj, kiuj dezirus penetri kun intencoj de komerco, religio aŭ aliaj justaj aferoj ; ĝi devis lasi al siaj nacianoj la liberecon komerci kun la fremduloj kaj elekti la religion, kiu plaĉus al ili. Oni ankaŭ diris, ke ĝiaj enlanduloj povos ekzerci komercon en la fremdaj landoj kaj eĉ tie fariĝi regnanoj. La registaro do devis subskribi kun la fremdaj nacioj traktatojn, kiuj permesas al ĉiuj aliaj regnanoj loĝi en Ĥinujo, ekzerci tie komercon, prediki la kristanan religion ; kaj ĉar Ĥinujo ne konis la doganleĝojn kaj la tarifojn de la fremdaj landoj, ĝi devis akcepti, ke oni starigu import- kaj eksportimposton je la komercajoj de aŭ por Ĥinujo ; tiu imposto estis kalkulita laŭ unuforma skalo da 5 % laŭ la valoro.

Dum pluraj jaroj post la akcepto de tiuj traktatoj, la Ĥinoj ne uzis la privilegion iri fremdalanden ; cetere la registaro ne instigis ilin al tio, ĉar la trapasado de la oceano ŝajnis danĝera. Oni tamen sciis, ke la Ĥinoj estas honestaj homoj, seriozaj, paciencaj, laboremaj, kaj oni sendis en la sudan parton de Ĥinujo elmigragentojn por tie serĉi laboristojn. Multaj laboristoj do elmigris, post kontrakta dungado, kaj estis uzitaj por diversaj laboroj, kiel ekz. la kulturo. Oni trovis ilin tre utilaj kaj oni tiel multe ilin postulis, ke la elmigragentoj en Ĥinujo ricevis la ordonon dungi tiom da laboristoj, kiom ili povus ; oni proponis gravajn premiojn ; nehonestaj kaj trompaj rimedoj estis uzitaj de senskrupulaj subagentoj, kaj multaj kamparanoj estis uzitaj de senkrupulaj subagentoj, kaj multaj kamparanoj estis perforte aŭ perruze dungitaj. Tiel oni agis por konvinki la ĥinajn laboristojn, ke ili devas veturi eksterlanden. Se oni ne estus farinta tiujn unuajn paŝojn, mi estas konvinkata, ke la ĥinaj laboristoj ne estus farintaj tiel longajn vojaĝojn por trovi laboron. Sed la unuaj Ĥinoj, laborinte fremdlande, konstatis, ke estas tie por iliaj sampatrujanoj vasta agadkampo kaj nature instigis siajn konatojn kunveturi. Tio klarigas la grandan nombron de Ĥinoj, kiuj iras eksterlanden por serĉi riĉecon. Ni tamen memoru, ke la unuaj elmigrintoj venis nur de la Kantona provinco kaj ke konsekvence ĉiuj ĥinaj laboristoj renkonteblaj en Kanado, Usono, Meksikujo kaj Sud-Ameriko devenas el tiu provinco. Se oni senkondiĉe permesus al la Ĥinoj veturi Amerikon, oni povus esti certa, ke ne elmigrus aliaj Ĥinoj ol tiuj de la Kantona provinco. Nuntempe, ekzistas nenia leĝo, kiu malhelpas Ĥinon iri al iu Eŭropa lando ; tamen oni trovas neniun, kiu konkurencas la Eŭropajn laboristojn kaj oni ne devas timi elmigradon de la Ĥinoj al tiu kontinento. Tio devus pripensigi la ŝtatistojn kaj ĉiujn personojn, kiuj interesiĝas al tiu demando. Mi estas konvinkita, ke post senpartiaj esploroj kaj lojalaj diskutoj, kontentiga solvo sin trudus. Nune, la argumentoj de la nacioj, kiuj ŝanĝis sian agadon rilate al tio, estas la jenaj : « Estas vere, ke kiam ni bezonis la servojn de la Ĥinaj laboristoj ni invitis ilin veni ; sed nun pro la opozicio de la laboristaj sindikatoj, kies voĉojn ni ne povas perdi, kaj kiuj estas ĵaluzaj je la pacienco, obstino, laboremo kaj ŝparemo de la Ĥinoj, ni kredas necese, ne plu akcepti tiujn lastajn » Tia rezonado certe ne estas logika. En sia nuna situacio, Ĥinujo estas materie nekapabla iel rezisti, sed tia stato estas malfavora por la bonaj rilatoj inter Oriento kaj Okcidento.

Akiri ne esploritajn teritoriojn por ilin kulturi kaj pligrandigi ilian valoron estas subteninda entrepreno, sed la lando nove akirata devus esti malfermata al la agado de ĉiuj. Se ĝi devas esti rezervata al la uzado de la unuaj koloniigantoj, la homaro nenion gajnos el tio. Dum jarcentoj, homoj, kiuj sin nomis civilizitaj, aneksis al si teritoriojn, kies enlandulojn ili elpelis aŭ eĉ mortigis. En la okazoj, kiam la enlanduloj estis sovaĝuloj aŭ hommanĝantoj, eble oni kredis havi la rajton uzi la forton. Sed tie, kie la invaditaj popoloj estas duoncivilizitaj aŭ posedas altan civilizon, kvankam malsaman ol la Okcidenta, oni devus agi tute alimaniere. Profiti ilian nescion pri la Okcidentaj metodoj por aneksi, kun la plej malgrava preteksto, la teritorion de tiuj popoloj, estas, ŝajnas, tre diskutebla procedo. Povas esti, ke en certaj okazoj reala domaĝo estis kaŭzita, sed se aliparte oni estus pli indulgema, se oni donus la necesajn klarigojn, anstataŭ trudi tiranajn kondiĉojn, la malfacilaĵoj povus ofte pace solviĝi.

Je tiu okazo, mi volus paroli pri la « Blankula politiko », kiun bedaŭrinde subtenas multaj eminentuloj. Oni asertas, ke certaj landoj devus esti rezervataj al la Blankuloj, sen tio, ke alikoloraj homoj povus tien enloĝiĝi. Se tiaj doktrinoj estas malkaŝe aprobataj de Okcidentaj ŝtatistoj oni, almenaŭ pro justeco devus permesi al la flavaj popoloj konformigi sian konduton al tiu principo. La patriotismo estas bonega kvalito, sed prediki la dogmon de la koloro, raso aŭ naciismo, estas tiel grava internacia demando, ke oni devus ĝin ektuŝi nur kun la plej granda singardemo. Se tia doktrino disvastiĝus kaj trovus multajn partianojn, la homoj fariĝus pli mallarĝspiritaj kaj ne hezitus profiti eĉ nejuste la alikolorajn kaj alirasajn popolojn, ĉiufoje kiam prezentiĝus la okazo. Altruismo fine tute malaperus. Anstataŭ koraj sentoj kaj amika kunlaborado, la Orientaj kaj Okcidentaj popoloj sentus inter si nur sentojn de malkonfido, malamikeco kaj malsimpatio ; senĉesaj disputoj, eble fina milito, anstataŭus la amikajn interrilatojn. Mi rimarkis, ke tiujn postulojn pri « Blankula politiko » faris ne la enlanduloj mem, kio estus iel pravigebla, sed la idoj de la koloniigantoj, kiuj konkeris, kaj ofte mortigis loĝantojn de la lando, kiun ili nun deziras rezervi al si, kaj ankaŭ politikistoj freŝe instalitaj. Ĉu tio estas justa ? En tiu okazo, mi preferus la Ĥinan civilizon tian, kia ĝi estas interpretata de Konfucio : « ni devas trakti kiel gefratojn ĉiujn loĝantojn de la kontinento, kiun ĉirkaŭas la kvar maroj ; kaj ni ne devas fari al la aliaj, tion, kion ni ne dezirus suferi de ili » Ĝis la tago kiam la rasa kaj nacia sento estos forigata el la spirito de la Okcidentaj popoloj, oni devas timi, ke sincera amikeco kaj kora kunlaborado ne povos ekzisti inter ili kaj la Orientaj popoloj. Nek Ĥinujo, nek la aliaj Orientaj landoj postulas de la Okcidentaj popoloj specialajn favorojn, sed ili esperas kaj rajtas esperi, ke iliaj nacioj kaj popoloj estos traktataj juste kaj egale kiel la Okcidentaj popoloj.

D-ro Wu Ting Fang,

Eksambasadoro de Ĥinujo en Ameriko. Trad. A. R.

## Virino kaj kooperado

La demando pri allogo de virinoj al pli granda partopreno en kooperativa movado estas unu el la plej gravaj por Eŭropo. Nek en Germanujo, nek en Aŭstrio, nek en Belgujo, ne parolante jam pri Francujo, virino konvene partoprenas konsumantajn societojn, por kiuj ŝi ŝajnas esti kreita. Lastatempe en Francujo kaj en Germanujo virinoj ekinteresiĝis pri la demando de politika egalrajteco kun viroj, sed la celado sin montri en mastruma fako — en limoj de konsumantaj societoj, — estas ankoraŭ indiferenta por plimulto el ili.

Tiurilate S-ro K. Mjuĉler, fama kompetentulo pri franca kaj germana kooperativa movado, rakontas en unu el la numeroj de « L'Union Coopérative » la jenon : Dum la lasta elektado en Ĉambron de deputatoj Mjuĉler okaze ĉeestis en

unu kunveno de voĉdonantinoj, kiuj celis enkondukon de sia kanditatino en parlamenton. Post kelkaj virinaj paroloj timeme leviĝis unu malriĉe vestita virino kaj, maltrankviliĝante pro la timo kaj nekutimo paroli, diris tiel sinceran kaj kortuŝan parolon, ke ŝi allogis al si la atenton de tuta kunvenintaro. Vi volas — komencis ŝi, — ke ni okupiĝu pri politiko ? Kiu do tiam laboros anstataŭ ni ? Ĉu al ni mankas la laboro je vartado kaj edukado de infanoj kaj je mastrumo ? Vane vi opinias, ke okupiĝo pri la politiko antaŭenpuŝos nin. Politiko estas — kiel komercaĉo : sin okupi pri ĝi oni ne povas sen malvereco kaj sen trompo de la aliaj. Oni ne devas celi la pligrandigon de malvero kaj trompo, kiuj eĉ sen tio amase nin ĉirkaŭas. Vi opinias, ke kelkaj virinoj, enirinte la parlamenton, modifos tion ? Ne, mi vin ne sekvos. Ni, virinoj, estas plenumontaj pli utilan, urĝan kaj pli facilan por ni taskon. Mi aludas la kooperadon. Jes, kooperado — ĝi estas plimultigita familio, en kiu ni povus facile fariĝi mastrinoj. Ĉu ne strange estas, ke inter la konsumantaj societoj pri la aĉetado de sapo, lentoj kaj butero okupiĝas viroj, kiuj ofte nenion en tio komprenas ? Ni plendas, ke ĉio plikariĝis, ke nenion oni povas aĉeti sen tromppesado, trompmezurado, ke lakto, butero k. t. p. estas falsitaj kaj minacas esti venenigaj. Sed kiu do malhelpas vin mem okupiĝi pri komuna aĉetado, forigante falsantojn kaj parazitojn, vivantajn je nia konto ?... Pli vera « politiko » por la virinoj — estas la kooperado. Ĝi estas multe pli utila por ili, ol la manio fabriki leĝojn. Tiuj, kiuj sin okupas pri politiko, similas la hundon, kiu lasas ĉasaĵon, por kuri post ĝia ombro. Do, politikulinoj kuru post la ombro, ni do kaptu ĉasaĵon, t. e. la kooperadon. Kiam la konsumantaj societoj fariĝos potencaj dank'al la virinoj, tiuj ekregos la mondon. Tiel parolis, — finas sian rakonton K. Mjuĉler, — tiu virino el la popolo. Kaj mirinde estas, ke neniu ŝin interrompis. Ŝajnis, ke kooperativa kredo de la timema kaj modesta oratorino penetris profunde en la animon, infektis la tutan aŭskultantaron, inter kiu estis multaj riĉaj sinjorinoj.

Konklude ni rimarkigu, ke S-ro K. Mjuĉler tute ne estas kontraŭulo de virinaj rajtoj. Li nur opinias, ke kooperado por la virinoj estas multe pli grava, ol la politiko.

V. Totomianc.
Trad. (1), A. Koh (Varsovio).

## Dua Internacia Kongreso por Morala Edukado

Laŭ decido de l'unua kongreso (London 1908) la supre nomita kongreso okazos tiun-ĉi jaron, la 22-27 aŭgusto en Nederlando, nome en la registara urbo Hago, pli kaj pli graviĝanta pro la rolo, kiun ĝi ekludas en la internacia vivado. Volonte mi per Esperanto klopodos plikonatigi tiun kongreson, esperante, ke per la atingitaj praktikaj rezultoj, tiu ĉi kongreso konvinkiĝos pri la utileco de nia helplingvo, kaj ĝia jam nuna vasteco en la mondo.

La suba interkrampa devizo per si mem jam pruvas, ke ĉiuj skoloj kaj opinioj en la kongreso havos egalan ŝancon kaj okazon por sin libere esprimi, kaj el tio nepre rezultas pli bonaj komprenoj pri tiel malfacila problemo kia estas la morala edukado de l'infanaro :

« La kongreso ne faros propagandon por ia societo aŭ direkto, sed donos egalan okazon al ĉiuj, kiuj sin interesas pri morala edukado — kiaj ajn estas iliaj religio, nacieco, konvinko aŭ direkto — esprimi siajn opiniojn kaj diskuti kun alipensanoj. »

En la momento, kiam mi skribas tiujn ĉi liniojn, jam 70 temoj el diversaj landoj estas enskribitaj.

La provizora programo estas jena :

*22 Aŭgusto.* Akcepto kaj bonveno.

*23 Aŭgusto. Unua kunsido.*

1. Malferma parolado de la prezidanto. 2. Morala edukado kaj karakterformado konsiderataj laŭ diversaj vidpunktoj, ekzortodoksa kaj modernreligia, senreligia k. c. (Tiu ĉi kunsido estas nur por enkondukoj : diskutoj ĉe la 3a kunsido).

*Vendredo 23 Aŭgusto. Dua kunsido.*

Korpa edukado kiel rimedo por karakterformado. *A.* La flegado de l'korpo per : 1. nutrado, purigado, vestado k. c. ; 2. gimnastiko, sporto kaj ludo ; *B.* la signifo de konkursoj por karakterformado, tiel individue kiel kolektive ; *C.* popoldefendkapableco ; *D.* aliaj temoj apartenantaj al tiu ĉi rubriko.

Sekcioj se necesaj malfermeblaj. La 6a kunsido rilatas nenormalajn infanojn.)

*24 Aŭgusto* matene. *Tria kunsido.* Sekvo de l'1-a kunsido. Priparoloj de l'enkondukoj apartenantaj al la temo de l'1-a kunsido. Posttagmeze : *kvara kunsido.* Morala edukado en edukejoj por geinstruistoj kaj por land- aŭ marmilitistoj. (Sekcioj, se necesaj, malfermeblaj. Ankaŭ, pro abundeco de l'enkondukoj de l'5-a kunsido, parto el ili povas esti transportataj al la 4-a kunsido, kun aŭ sen sekcioj).

*26 Aŭgusto*, matene : *Kvina kunsido.* Karakterformado ĉe gejunuloj en instruejoj neunuagradaj — kaj kun tio en familio kaj socio.

Oni intencas esplori ĝis kiom ĉe tiaj instruajoj (mezgradaj, altgradaj, fakaj k. c.) oni atentas la moralan edukadon, tiel de l'flanko de la edukatoj kiel de l'flanko de la instruistoj.

Ankaŭ la influo de l'familio kaj socio estas priparolata ; oni donos altan valoron al la opinioj de l'gepatroj, precipe patrinoj. Precipe oni atentos la laborojn de societoj kiel : Young Men's Christian Association, Œuvres postscolaires, Jugenvereine, Patronages, Societoj por la protektado de knabinoj k. c.

*26 Aŭgusto.* Posttagmeze : *Sesa kunsido.* 1. Karakterformado ĉe nenormalaj infanoj : *a*, korpaj mankhavantoj ; *b*, ĝenerale psiĥaj malplivalorantoj ; *c*, nezorgitoj kaj krimemuloj. 2. Lernejoj kaj institutoj por nenormaluloj. *a*, apartigado de nenormalaj lernantoj ĉe unuagrada aŭ sekvanta instruado en apartaj klasoj aŭ lernejoj ; *b.* trapasantejoj kaj disciplinlernejoj.

*27 Aŭgusto.* Matene : *Sepa kunsido.* 1. Postvenintaj enkondukoj kaj temoj urĝiĝintaj ; 2, Administraj priparoloj kaj priparoloj por la 3-a kongreso ; 3. Fermparolado de la prezidanto.

Provizore oni ne ankoraŭ ion definitivan decidis pri kunvenaj tagmanĝoj, ekskursoj, festoj k. c

J. L. Bruijn (Hago).

---

Sekve de la *Liberaj Vortoj* publikigitaj en N-o 114 de *Esperanto*, ni ricevis la jenan leteron :

Estimata Sinjoro Direktoro,

En la lasta N-o de *Esperanto*, vi publikigas artikolon « Ĉu la ekzemplo utilos ? », kiun mi ne povas lasi sen protesto. Vi diras ke la kaŭzo de la falo de *Voĉo de Kuracistoj*, estis la apero de konkuranta gazeto *Internacia Medicino*. Mi laŭte protestas kontraŭ via senpripensa juĝo. Se vi estus leginta niajn bultenojn vi estus vidinta, ke ni klopodis per ĉiuj rimedoj subteni kaj helpi Voĉon de kuracistoj, kiun ni forlasis nur kiam D-ro Mikolajski postulis ke ni, T. E. K. A-anoj, antaŭpagu dum Decembro 1910 por 400 abonantoj por 1911. Tio estis tute neebla sed tamen, mi mem, kaj multaj aliaj anoj daŭrigis abonon de Voĉo.

Ke *Internacia Medicino* ne sukcesis tio dependas de tute aliaj kaŭzoj, de la financaj malfeliĉoj de D-ro Thalwitzer, same kiel por *Scienca Revuo* kaj *Antialkoholisto*. Sed, mi ripetas, ni « maniuloj » neniam pensis verki pli bone ol D-ro Mikolajski, kaj eĉ en Antverpeno ni decidis alpreni Voĉon kiel nian oficialan organon.

D-ro H. Dor, hon. prof.

Mi ne volis nek volas ekzameni ĉu S-ro Mikolajski estis prava aŭ ne. Mi nur konstatis nedubeblan publikan fakton, nome ke la apero de *du* samcelaj gazetoj havis kiel konsekvencon la malaperon de ambaŭ. La bultenon de TEKA pri kiu aludas D-ro Dor mi plezure legus... se ĝia redakcio bonvolus ĝin sendi al nia gazeto ! H. H.

(1) El gazeto « Nedjela » (Semajno).

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

### Lernolibroj

Dum la lastaj monatoj aŭ semajnoj aperis aŭ reeldoniĝis ne malgranda nombro da lernolibroj, pri kiuj mi plezure deklaras, ke ili estas bonaj, eĉ bonegaj.

Ĉu ni devas sopiri la tempon, kiam la tiama Esperantistareto havis je sia dispono nur Ekzercaron, Universalan Vortaron, kelkajn tradukojn kaj 2-3 revuojn kiam oni povis nemalfacile enpoŝigi la tutan esperantan bibliotekon ? Tiam estis la heroa epoko ! Tiu librareto, graveda nur je esperoj, ŝajnis perfekta, admirinda, sufiĉega ! La fervoro de la tiamaj esperantistoj plenigis ĉiujn mankojn.

Mi inklinas opinii, ke al tiu daŭra malmulto da libroj la esperantistaro dankas tiun respekton al la lingvo, tiun konserveman spiriton, kiu savis kaj sendube savos Esperanton kontraŭ ĉiuj rektaj perfortoj, mallojalaj subfosadoj kaj plimalpli sciencaj proponoj de plibonigo, ruze aŭ naive baptitaj « konkordo ».

Povu la Esperantistaro ankoraŭ longe, longatempe konservadi tiun fidon en la altega, tiom scienca kiom praktika, valoro de la verko de nia majstro ! Tamen mi konsentas, ke laŭ tio ke Esperanto sin turnas al grandiĝanta nombro da homoj diverslingvaj, diversgentaj, diverskondiĉaj kaj -aĝaj, necesas pli granda nombro da diversmetodaj lernolibroj.

⁂

La laste aperintaj lernolibroj estas :

*J.-M. Picard.* — **L'Esperanto à l'Ecole.** — Ĉe S-ro J. M. Picard, instruisto, Dommartin-en-Serve (Seine-et-Oise, Franc.). Prezo : Sm. 0.80.

**The Esperanto Manual,** by Margaret Jones (Mrs Paul Blaise). — Second édition. — London, « La Espero », 3, Lynette Avenue, Clapham Common, S-W. Prezo : Sm. 0.50.

**In 10 Stunden gründlich Esperanto.** Verlag : Bruno Troitzsch Nachf., Chemnitz, inn. Johannisstr, 14. Prezo : 90 Pfg.

**Volltsændiger Lehrgang Esperanto** von J. Glück und Dr Edmond Sœs. Verlag Paul Knepler, Wien, 1, Hober Markt, 1. Prezo : K. 1.50 (MK. 1.50).

Kolekto de « Danubo ». — **Krestomatio por infanoj kaj komencantoj**, de Romano Frenkel. Bucuresti, editura Esperanto, 5. Strat, I. C. Bratianu, 5. — Prezo : Sm. 0.20. (2 respondkup).

**Esperanto-Gvidanto,** de R. Richter. Germana Esperanto-Librejo, Leipzig. Prezo : 0.50.

D-ro Andreo Fiŝer. — **Historieto de Esperanto.** — Tiflis, Presejo « Esperanto » 1911. — Aĉetebla en la ĉefaj Esperanto-librejoj. Prezo : Sm. 0.20.

⁂

La verko de S-ro J. M. Picard estas frukto de longa sperto kaj serioza meditado kaj laboro. Ĝi estas verkita por infanoj kaj *per* infanoj. Efektive nur per la ĉiutaga aplikado de sia metodo al instruado de infanoj S-ro P. povis redakti tiel simplajn difinojn kaj klarigojn, elpensi tiel sugestiajn ekzercojn, per kiuj franclingvaj dekjaruloj povos samtempe lerni Esperanton kaj akiri pli perfektan konon de la gepatra lingvo.

Ĉiuj esperantistoj, kiuj instruadas pri la antikvaj aŭ modernaj lingvoj jam tre bone spertis, kiom gravan rolon povas plenumi Esperanto en la ĉiugradaj lernejoj. « Fundamento » estas la Gramatiko de l'gramatikoj, t. e. la resumo kaj kvintesenco de ĉiuj apartaj gramatikoj. Tiu modestŝajna libreto metas, laŭ la trafa kaj forta esprimo de nia majstro, la tutan meĥanikon de la lingvoj *sur la manplaton* : ĝi elpremas el la lingvara ĥaoso la necesegajn principojn kaj plej subtilajn elementojn ; ĝi heligas per radianta lumo la kavernegojn de la vortaroj kaj dedalojn de la gramatikaro. Dank'al tiu lumigo, kiom plifaciliĝas la profesora tasko ĉe la instruado de ĉiu ajn lingvo ! Alparolante al neesperantistoj, la instruanto bezonas senfinajn klarigojn, lacigajn por la orelo kaj cerboj de l'aŭskultantoj. Sin turnante al esperantista, eĉ dekjara, lernanto, li bezonas nur unu duonvorton ! Konante la ĝeneralajn lingvajn principojn, la lernanto komprenas tuj kaj facile la apartaĵojn de la instruata lingvo ; li atingas pli foren kaj pli alten ol multaj ; eĉ kelkfoje li tiele taŭgiĝas por kompreni la plej abstraktajn lingvistikajn demandojn ke — laŭ sia karaktero aŭ kleruleco — li emas sin kredi Zamenhofeto aŭ Zamenhofego !

La verko de S-ro P. estas bonega, ne sole pro siaj internaj ecoj (pri tio oni konvinkiĝos ĉe uzado), sed ankaŭ pro siaj konsekvencoj, se, kiel mi esperas, la francesperantaj instruistoj ĝin decideme alprenos en la lernejojn ; kaj se tiu metodo ĝeneraliĝos, el tiu disvastiĝo rezultos gravaj progresoj en la instruado de la franca lingvo.

Plie mi ne dubas, ke tiun metodon oni imitos alilande kaj aplikos al ceteraj lingvoj. Tiamaniere ne malgrandan servon faros Esperanto al la naciaj lingvoj, ilin ne detruante (kiel ripetas kelkaj malsprituloj), sed male ilin konservante kaj plifortigante.

⁂

Niaj anglaj samideanoj ne estas malpli bonŝancaj, ĉar ili posedas tiel bonan lernolibron kiel estas *The Esperanto Manual.* Mi ne timas certigi, ke ĝi estas unu el la plej klaraj kaj kompletaj nun ekzistantaj lernolibroj. Ĝi enhavas la 16 regulojn, kaj ne nur la klariga teksto estas talente metoda, la ekzerciloj bone verkitaj kaj parte kunmetitaj el frazoj de tiu Zamenhofa ekzercareto, kiun kelkaj afekte malŝatas, sed ankaŭ la antaŭparolo, enkonduka ĉapitro, anekdotoj, proverboj, komercleteroj, artikoloj de famkonataj esperantistoj, instigas la lernanton al Esperanto kaj kune al Esperantismo. Tiu duobla iniciatiĝo estas necesega por konservi en nia movado la ĵusvarbitajn kaj lingvinstruitajn esperantistojn.

⁂

Ne konante la germanan lingvon mi ne povis detale analizi la du sekvantajn lernolibrojn (*In 10 Stunden...* kaj *Vollstændiger Lehrgang...*). Sed mi foliumis unu kaj alian kaj mi atente legis la esperantan tekston. Ambaŭ estas praktike, klare, metode, fundamente redaktitaj.

En la lernolibro de S-roj Glück kaj Sœs, mi rimarkis, je la fino de l'libro, literaturajn bone elektitajn paĝojn ; en la komenco, ĉarmis miajn okulojn la 16 reguloj de l'Fundamento. Per tiuj reguloj devus komenciĝi ĉiuj lernolibroj, ĉar ili metas en la manon de l'eklernanto la kondukan fadenon, komprenigante la mirindan, neniam kaj neniel supereblan, simplecon de la lingvo.

⁂

Post la studado de l'lernolibro, la ĵusesperantisto kun plezuro kaj utilo tralegos la krestomation, kiun S-ro Frenkel zorge redaktis en kunlaborado de diverslandaj esperantistoj. Tiu malkara bonstila libreto havigos bonan legotaĵon por la infanaj, eĉ por la maturaĝulaj kursoj.

Poste, mendinte la **Esperanto - Gvidanton** de S-ro R. Richter, ili lernos, per demandoj kaj respondoj, intersalutiĝi, komplimenti, konversacii pri ĉiuspecaj temoj, peti informojn pri restoracio, bierejo, loĝejo, teatro, stacidomo, veturadoj, poŝtoficejo, ktp., ktp.

Fine, leginte la 20 paĝan **Historieton de Esperanto** de S-ro Fiŝer, ili estos tute pretaj por sukcese plenumi ekza-

# ESPERANTISMO

**AL NIA LEGANTARO**

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la 12a kaj 27a de ĉiu monato al la adreso : « Esperanto », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — La nove fondita « Usona Asocio Esperanta » fervore laboras kaj gajnas al nia afero multe da novuloj. — B. F. S.

En *Utreĥt* (Nederlando) katolika grupo. — Z.

En *Arad* (Hungarl.) 26 nov. loka grupo de Hungara Esp. Soc., prezidas S-ro A. Vegh. — E. S.

**Novaj kursoj.** En *Genova* (Ital.) la Liguria Instituto malfermis en la du urbaj lernejoj Baliano kaj Mameli ses novajn kursojn kun pli ol 200 lernantoj de ĉiuj aĝoj kaj kondiĉoj. — S.

En *Utrecht* (Nederlando), unu por policistoj : 25 partopr. ; alia estas sekvata de 15 personoj.

En *Pohova* (Bulgar.) gvidas S-roj Krajev kaj Gaspadinov.

En *Bologna* (Ital.) tri kursoj ; instruas S-roj Tellini, Nanni kaj Masi. — O. N.

En *Debreczen* (Hungarl.) post parolado de S-ro Reczœ ; du aŭ tri.

En *Alagoinhas* (Brazil.), gvidata de nia Del. S-ro C. A. Cunha. — DE S.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Genova* la Genova Esperanto Unuiĝo la pasintan oktobron malfermis sian Esperantan Hejmon per bela parolado de D-ro Stromboli, kiu rilatis pri la lasta kongreso internacia. Nia Esperanto Hejmo estas malfermata ĉiuvespere en Salita Pollaiuoli 13 4 kaj ni petas la gesamideanojn de ĉiuj landoj, kiuj trapasos Genovan, ke ili bonvolu viziti nin.

*Paris.* — La 4-an. de Decembro okazis la granda propaganda festo de la pariza esp. grupo *Mondumaj Kunvenoj*, organizita en la ĉambrego de la « Franca Societo de Fotografarto » Pli ol 300 parizanoj ĉeestis, inter kiuj multaj neesperantistoj. Oni aŭdis la parolantajn filmojn Gaumont : D-ro Zamenhof (la preĝo sub la verda standardo) ; S-ro Archdeacon (tosto al Zamenhof) ; S-ro Chavet (leciono de Esperanto) kaj kelkajn kinematografaĵojn de la Antverpen'a Kongreso. La ĉeestantoj multe aplaŭdis F-inon Doria kaj S-ron Kruper en la komedieto *Dek-triope* kaj S-rojn Valienne, Gillet, S-inon Remond kaj denove F-inon Doria, lertan aktorinon en la mondfama *L'Héritage Klodarec* verkita de B-no de Menil. G. R. M.

*Paris.*— Reĝa festo. Okaze de la elekto de sia reĝino, la artista grupo *Stela-Concert*, aranĝis feston kun koncerto, kiu plej kontentige sukcesis. Ĉeestis, krom S-roj Bourlet, Archdeacon, kaj aliaj eminentuloj de la Paris'a esperantistaro, S-ro Seguin, vicprez. de la Paris'a komitato de la Festoj, S-ro Tournade, franca depudato, k. t. p. 20 diversnaciaj aktoroj ludis spritan revuon « Al'Anvers » verkitan de S-roj de Menil kaj H. Andrée. Unu el la plej aplaŭditaj scenoj estis tiu de *l'U. E. A.* kiu rolo estis tenata de F-ino Kellian, kiu jus estis elektita reĝino. Notinda estas la kanzono de l'U. E. A. kies arion ĥore rekantis ĉiuj ĉeestantoj. Balo finis tiun ĉarman feston, kiu daŭris ĝis la 6-a. matene. G. R. M.

En *Sabadell* (Hispan.). — La plej malnova soc. kunvenis la 17 Decembro por renoviĝi la komitaton ; prez. : J. Clerch ; vic'prez. : S-ro R. Llobet ; Sekr. : S-ro M. Peig.

En *Dundee*. (Skotl.). — La delegitoj de la Skota Federacio kunvenis la 16 dec.; ili rekomendis al la anoj, ke Edinburgh estu la sidejo de la 11-a. Internacia Kongreso, se ĝi okazos en Skotlando. J. R.

**Paroladoj.** — En *Glasgow* (20 nov.), ĉe la societo Esperantista, nia Del. S-ro G. Douglas, pri U. E. A.

En *Debreczen* (Hungarl.), (18 dec.) S-ro Rajczi Rezsœ, pri « Internacieco kaj Esperantismo » ; al la aŭskultantoj li konigis la servojn de U. E. A.

**Paroladvojaĝo Privat.** — Kiel esperite, la paroladoj de S-ro Privat renkontas ĉie varman akcepton. La 27 novembro, li parolis france en *Vienne* (Franc.). En *Bologna* (Ital.) estis malhelpata paroli publike kaj sin aŭdigis nur al la tieaj samideanoj (12 dec.). — En *Trieste* (Aŭstrio) 15 dec., antaŭ 150 personoj ; la 17 dec. en *Verona* (Ital.) sub la aŭspicioj de la popola Universitato. Kurso estos sendube malfermata. Reveninte Ĝenevon por pasigi la novjarajn festojn, S-ro Privat foriris al Rusujo. Ni danke ricevos raportojn de la grupoj de li vizititaj.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — Grupoj en la distriktoj trapasotaj aŭ en la urboj cititaj, kiuj deziras aranĝi la prezentadon de S-ro Parrish estas petataj informi lin tuj pri tio (sendante ĉiujn komunikaĵojn al la Centra Oficejo de U. E. A. en Ĝenevo). La datoj kaj urboj vizitotaj en ĉiu aparta distrikto estas definitive fiksataj unu monaton antaŭe, kaj poste neniaj novaj urboj aŭ aliaj ŝanĝoj estos eblaj. En la suba skizo la datoj donitaj estas nur proksimumaj, sed ĝustan daton por iu urbo oni citos laŭ peto.

16-30 januaro : Sud-Okcidenta Germanujo.
1-15 februaro : Okcidenta Germanujo.
15-28 februaro : Norda kaj Nord-Okcidenta Germanujo.
1-15 marto : Danujo.
15-31 marto : Norvegujo kaj Svedujo.
1-15 aprilo : Stockholm, Peterburgo (halto en Helsingfors), Narva, Reval, Dorpat, Pernow, Riga, Vilna, Kovno.
15-30 aprilo : Tilsit, Kœnigsberg, Danzig, Bromberg, Kaliŝ, Lodz, Varsovio, Kiew, Odessa.

---

menojn pri Esperanto. Ili nur bedaŭros, ke la kondiĉoj de konkurso trudis al S-ro Fiŝer tiel malvastajn limojn.

*
* *

Ĉu vere la verkintoj de tiaj diverstemaj modestaj libroj ne pli utilas al la propagando de internacia lingvo ol scienculoj, kiuj malŝparas tiom da mono, tempo, cerbostreĉado, eĉ talento ĉe la ellaborado de kaporompaj disertacioj pri la senco de « grando » aŭ ĉe la fuŝtransskribo de la Zamenhofa Ekzercaro ?

VERTO.

1-15 majo : Galatz, Bukareŝt, Tirnovo, Sofia, Filipopoli, Andrinoplo, Konstantinoplo.

15-30 majo : Smyrna, Aïdin, Samos, Ateno, Patras, Marseille. Eblaj haltoj en Malto kaj Tunizio.

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — *Paris.* — La regiona kunveno okazis la 1-a dec. S-ro Génermont malfermas la kunvenon per parolado pri la agado farita dum la jaro. Oni aprobas lian raporton, la elekton de kvartalaj delegitoj kaj la raporton de la konsuloj. Poste estis diskutata agadplano por 1912 kaj propono pri adresaro laŭ metioj por la tuta distrikto.

*Liverpool.* — Ĉe la regiona kunveno okazinta la 28 nov., oni aprobis la raporton de la Del., kiu atentigis, ke multaj el la tieaj anoj uzis la servojn de alilandaj Del. kaj ricevis kontentigan helpon kaj servojn. Li klarigis mallonge la gravan proponon faritan de U. E. A., pri la organiza demando kaj la diversajn novajojn, kiuj estas konsekvenco de la kongresaj deziresprimoj.

*Zaragoza.*— La raporto de la Del. estis unuanime aprobata. La Del. konstatis, ke la servoj plenumitaj de la Del. dum tiu jaro estis preskaŭ duoblaj ol antaŭe.

*Bordeaux.* — La regiona kunveno okazis la 26-a decembro. La raporto de la Del., S-ro Brunet, estis aprobata. S-ro Marquet proponis, ke oni faru plenan jarlibron internacian, enhavantan la nomojn de ĉiuj Esperantianoj. Li ankaŭ esprimis la deziron, ke oni atentigu la eldonantojn de gvidfolioj pri la formato, ĉar por atingi bonan rezultaton, laŭ la ideo de la bedaŭrata kolego S-ro Cazeaux, estas necese, ke ĉiuj gvidfolioj havu saman formaton, ne proksimume, sed precize.

*Kiev.* — La Del., S-ro Szepe, legis sian raporton, kaj, poste, proponis baloti novan Del., ĉar la tempo por kiu li estis elektita finiĝis. S-ro Illaŝeviĉ estis balotata kiel Del. La kunveno decidis eldoni kelkpaĝan gvidfolion de Kiew. Ĝi per unuanima aplaŭdado dankis la ĝisnunan Del., S-ro Szepe, pro lia fervora agado.

**Distriktaj Esperantiaj kunvenoj.** — La kunveno de distrikto *Saksujo* kaj de la regiono *Dresdeno* okazos dimanĉon 28 januaro, je 10 h. 1/2 matene en Stadtcafé, Dresden. La saman tagon vespere okazos la jarfesto de Societo Esperanto-Dresden en la granda salono de Vereinshaus; la Del vizitontaj Dresdenon por la distrikta kunveno povos partopreni.

## Oka Kongreso de Esperanto

Ni ricevis la jenan unuan cirkuleron de la Loka Komitato :

Kiu legis la novembran numeron de « Oficiala Gazeto Esp. » (p. 193), tiu certe ne miros, ke ne pli frue, ol nun, ni per oficiala cirkulero komunikas al la tutmonda esperantistaro la staton de la preparaj laboroj por la Oka. El la citita gazeto oni povas sciigi, ke nur en fino de novembro estis elektataj la anoj de la Konstanta Komitato por la Oka Kongreso. Ĝis tiu tempo la provizora Loka Komitato memkompreneble leĝe ne ekzistis kaj pro tio ne rajtis ion ajn komunikadi pri la Oka. Tamen la provizora Komitato laboris, atendante nur la momenton de oficialiĝo, kiu permesus al ĝi publike agadi. Tiu momento antaŭ nelonge venis kaj pro tio ni rajtas oficiale komuniki al la esperantistaro kelkajn detalojn pri nia Kongreso.

La Loka Komitato konsistas ĝis nun el jenaj personoj : Univ. Prof. Odo Bujwid, D-ro Stefan Mikolajski, D-ro Leon Rosenstock, S-ro Stanislaw Rudnicki, D-ro Henryk Tislowitz, S-ro Wladyslaw Grabowski kaj S-ro Mieczyslaw Zielenkiewicz. La listo ne estas fermita, ĉar laŭbezone ni kompletigados la Komitaton.

La Kongreso okazos inter la 11-18 de aŭgusto. Kvankam multaj samideanoj esprimis la deziron aranĝi la kongreson tuj en komenco de aŭgusto, tamen pro specialaj lokaj kondiĉoj ni ne povis elekti pli fruan daton.

Ni havas jam provizoran programon, laŭ kiu ni aranĝas nian laboron, ĉar tamen kelkaj punktoj troviĝas ankoraŭ en stato de diversflanka intertraktado, ni opinias, ke ne estas konvene jam nun ĝin publikigi. Ni nur povas komuniki al vi, ke okazos « Jubilea Festvespero » je honoro de nia Majstro kaj lia granda verko. En la festvespero partoprenos eminentaj artistoj. Pri elekto de aktora trupo kaj teatrajo ni povos jam plej baldaŭ publikigi la definitivan decidon. Plej verŝajne estos ludita « Mazepa », belega tragedio de pola poeto Juliusz Slowacki, en majstra traduko do S-ro A. Grabowski.

Pri la ekspozicio zorgas la « Teknikista Grupo de Esperantistoj » en Lvovo, kiu sukcesis jam kolekti riĉan materialon. Ĉar ni deziras, ke la jubilea ekspozicio estu vera kaj fidela revuo de 25-jara disvolviĝo de nia kara lingvo, *ni turnas nin* al ĉiuj samideanoj *kun* varma kaj insista *peto*, ke ili per sendo de plej diversaj esperantajoj helpu la ekspozician sekcion kaj pliriĉigu la kolektitan de ĝi materialon. Ĉiuj ekspozajoj estu sendotaj al S-ro Benedikto Herold, *Lvovo* (Lwow), str. Potockiego 22, (Aŭstrio-Galicio).

La gvidlibro tra Krakovo estas dissendata al partoprenintoj en la VII. Kongreso kaj al ĉiuj grupoj esp. Aliaj personoj ricevos ĝin kontraŭ 2 respondkuponoj, sendotaj al la Komitato, kies adreso estas : VIII. Universala Kongreso Esperantista en Krakovo (Aŭstrio-Galicio).

Kiel kutime, ankaŭ dum nia Kongreso okazos, diservoj kaj dum la katolika diservo *faros predikon en Esperanto Lia Episkopa Moŝto* pastro Bandurski unu el la plej enimentaj polaj oratoroj. La esperantistaro certe kun ĝojo akceptos ĉi-tiun sciigon. Informojn pri insignoj, kongresaj poŝtkartoj kaj sigelmarkoj, ekskursoj, literatura konkurso ktp. ni rezervas por la proksima cirkulero. Plej detalajn sciigojn posedos ĉiam « *Pola Esperantisto* », kiu estas *oficiala organo* de la VIII. Kongreso. Cirkuleroj *ne estos sendataj* al apartaj personoj aŭ grupoj, sed nur al ĉiuj esp. gazetoj senescepte tiel, ke ĉiu esperantisto, kiun ajn gazeton li kutime legas, estos informita pri la preparaj laboroj por la Oka.

Ĉar ni volas ŝpari kostojn, ni sendados aliĝilojn nur al tiuj personoj, kiuj antaŭe sciigos nin per simpla poŝtkarto, ke ili intencas partopreni la Kongreson, citante al ni nur la 1) familian nomon (substreku !) 2) antaŭnomon, 3) profesion, 4) precizan adreson (substreku la urbon ! kaj 5) la nombron de eventuale kune venontaj familianoj. *Pri senprokrasta provizora aliĝo ni urĝe petas.* La Kongreskotizajo estis fiksita je *6 Sm.*

## DIVERSAĴOJ

∴ *Akademio Esperantista.*

Post voĉdonado la Estraro de la Akademio kaj Lingva Komitato estos de oktobro 1911 ĝis aŭgusto 1914 : Prezidanto, S-ro Ed. Boirac ; Vicprezidantoj : S-roj Bein kaj Mybs ; Direktoro de la Sekcio pri Gramatiko : S-ro A. Grabowski ; Direktoro de la Sekcio pri komuna vortaro : S-ro Th. Cart. Speciala komisiono, konsistanta el S-roj de Saussure, Grabowski kaj Hœveler, estas elektita por studi la demandon pri derivado.

Plie, la Akademio akceptis la jenan regularon pri verkoj rekompencotaj :

1e La akademio rekompencas ĉiujare kelkajn verkojn rimarkindajn laŭ stila rilato ;

2e La nombro de la kronitaj verkoj ne superos kvin ;

3e Oni rajtas prezenti por la rekompencoj tradukojn, sed originalajoj estos preferataj de la Akademio ;

4e La prezentataj verkoj devas esti publikigitaj en la lasta jardeko ;

5e Nur libroj, kia ajn estas ilia amplekso, aparte eldonitaj, sekve ne gazetaj artikoloj, nek manuskriptoj estas prezenteblaj ;

6e Verkoj de Akademianoj ne estas rekompenceblaj ;

7e La rajto de prezento estas rezervita al la membroj de la Lingva Komitato, kiuj rajtas proponi ĉiu po du verkoj, kun konsento de la aŭtoroj ;

8e La proponoj, montrantaj tre klare kaj precize la titolon de la verko, la eldonejon kaj la daton de la unua apero, devas esti sendataj al la Centra Oficejo antaŭ la 1-a de marto. Se la verko estas malfacile akirebla, bone estos sendi unu ekzempleron de la verko.

9e Akademia komisiono elektos, post la legado de ĉiuj proponitaj verkoj, la dek plej bonajn ;

10e La plena Akademio, post raporto de la komisiono, elektos la rekompencotajn.

∴ *Esperanto-Kolonio.*

S-ro Mayerhauser, Del. Bad-Reichenhall, proponas fondi en Brazilujo specialan *Esperanto-Kolonion*, starigotan laŭ la jenaj principoj : « 1. Respublika, resp. demokrata konstitucio de l'kolonio ; 2. Egalrajteco por la geanoj de ĉiuj rasoj, religioj, nacioj kaj por ambaŭ seksoj, tiel ke neniu estu pre ferata aŭ malpreferata pro iu ajn el tiuj kaŭzoj ; 3. La sola oficiala lingvo de l'kolonio estu la internacia helpa lingvo Esperanto sur la netuŝebla Zamenhofa fundamento ; 4. Senhipoteza scienco ». Ĉiuj personoj dezirantaj ricevi la specialan alvokon sin turnu al S-ro F. Mayerhauser, Bad-Reichenhall (Germanujo).

∴ *Vortoj kun pseŭdo-sufiksoj.*

El *Oficiala Gazeto* ni eltiras la jenan respondon de D-ro Zamenhof pri la uzo de vortoj kun pseŭdosufiksoj « cio », « toro », ktp. (Ekz. : civilizacio, redaktoro) :

«... Kelkaj samideanoj... diras, ke de tiaj vortoj ni devas preni nur la radikan formon (ekz. : « civiliz », « redakt »), kaj ĉiujn devenajn formojn uzi nur kun sufikso aŭ finiĝo pure *Esperanta* (ekz. : « civilizo », « redaktejo », « redaktisto », anstataŭ « civilizacio », « redakcio », « redaktoro »). Kompreneble, se tia vorto, kiel ekz. « redaktejo », estus tute identa kun la vorto « redakcio » kaj povus ĝin perfekte anstataŭi, certe neniu el ni plendus, se la vorto « redakcio » baldaŭ malaperus el nia lingvo ; sed se iu diras : ke la formoj pseŭdo-sufiksaj estas *kontraŭ-Esperantaj*, aŭ ke ili prezentas malaprobindan enkondukon de *novaj vortoj*, mi opinias, ke li eraras. Tiaj formoj, kiel ekz. « redakcio », « civilizacio » estas nek kontraŭ-Esperantaj, nek novaj, ĉar laŭ la § 15 de nia gramatiko, ili plene apartenas al nia lingvo jam de la unua momento de ĝia naskiĝo. Ni povas *esperi*, ke pli aŭ malpli frue la pseŭdosufiksaj vortoj « fremdaj » fariĝos arĥajismoj kaj cedos sian lokon al vortoj « pure-Esperantaj » ; ni povas eĉ *konsili* tion ; sed *postuli* tion ni *ne* povas, ĉar la diritaj vortoj ne sole havas en nia lingvo (laŭ la § 15) plenan rajton de ekzistado, sed ankoraŭ dum longa tempo multaj el tiuj pseŭdo-sufiksaj vortoj estos pli oportunaj, pli naturaj kaj pli kompreneblaj, ol la ilin anstataŭontaj vortoj « pure Esperantaj ». Ne venis ankoraŭ la tempo, ke ni estu tro pedantaj. Estas vero, ke sekve de nia toleremeco ni por kelkaj vortoj havos dum kelka tempo formojn *duoblajn* (ekz. : « evolucio » kaj « evoluo ») ; sed ŝajnas al mi ke estas multe pli bone havi en la unua tempo ian « embarason de riĉeco », ol malutili al si per ia ne sufiĉe matura dekreto, eljetante el la lingvo vortojn, kies eljetindeco ne estas ankoraŭ por ni tute certa ».

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Balotado de la Distriktaj Delegitoj.

Konforme al § 26 de la Statuto, la rebalotado de la Distriktaj Delegitoj okazos dum ta monatoj januaro-februaro. En tiu balotado povas partopreni ĉiuj Delegitoj, kia ajn estas la nombro de iliaj membroj. Ĉiu Esperantiano estas elektebla por tiu posteno, tute egale, ĉu li estas regiona Delegito aŭ ne.

Samtempe kun la *Oficiala Bulteno* (N-o 12), niaj Del. ricevis la necesajn balotilon kaj klarigojn.

### Satistiko.

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato decembro :

| Ricevitaj : | Mandatoj : | Forsenditaj : |
|---|---|---|
| 1353 | 259 | 1346 |

Tuta sumo : 2.*958* (sen la Jarlibroj). Antaŭa monato : *3.494*. Antaŭa jaro (sama monato) : *2.768*.

### Gvidfolioj.

Dum decembro elĉerpiĝis jenaj gvidfolioj :

*Douai, Düsseldorf, Lausanne, Le Havre, Morges, Nancy.*

En la lasta numero ni aperigis liston de gvidfolioj, kiu devas esti korektita kiel sekvas : La gvidfolioj de *Dresden, Odessa. Rostock, San Sebastian*, kiuj estis notitaj, ne ankoraŭ elĉerpiĝis.

### Financoj.

*Kontelliro de U. E. A. de Decembro 1911.*

| Debito | *Sm.* | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Oficejo kaj Materialo... | 43.94 | Kotizajoj ............ | 487.77 |
| Salajroj ............... | 178.80 | Aprobantoj .......... | 0.50 |
| Korespondado ......... | 84 00 | Subtenantoj............ | 104.54 |
| Presajoj ............... | 12.40 | Dumvivaj Membroj .... | 20.00 |
| Vojaĝelspezoj ......... | 22.00 | Esperantiaj Entreprenoj. | 155.88 |
| Propagando ........... | 20.10 | Anoncoj en Jarlibro.... | 2.00 |
| Diversaj ............... | 40.00 | Reklamaj servoj ....... | 3.80 |
| *Saldo*...... | 373.25 | | |
| | 774.49 | | 774.49 |

*Fakaj Kotizajoj.*

| Debito | | Kredito | *Sm.* |
|---|---|---|---|
| Laborista Fako ........ | 33.24 | Interŝanĝa Fako....... | 35.75 |
| Interŝanĝa Fako ....... | 3.70 | Laborista — ....... | 9.66 |
| Saldo.................. | 10.44 | Virina — ....... | 14.14 |
| | 47.38 | | 47.38 |

### Etato de la Esperantianoj.

Je la 1 Januaro 1912 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. *3059* kotizajoj por 1912 (antaŭa monato 2.299) + 120 kotizajoj de Subtenantoj.

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : Boston, Kœln a/Rhein, Koloszvar, Liverpool, Peturburg kaj Vilno. Pli ol 50 : St-Gravenhage.

### Fakaj Membroj.

Interŝanĝa Fako : 124 ; Laborista Fako : 37; Virina Fako : 52.

### Dumvivaj Membroj.

19. Fr. Fleck (Genève) ; 20. S-ino M. Milsom (Genève) ; 21. J. A. Azakelov (Lozovaja).

### Subtenantaj membroj (3-a listo) :

81. A. Fanzeres (Rio-de-Janeiro) ; 82. H. Dion-Trouillon (Paris) ; 83. M. Maillart (Genève) ; 84. G. J. Warmann (Genève) ; 85. M. Averin (Moskvo) ; 86. St-Szabuniewiez (Moskvo) ; 87. F. Grahame Bailey (Calcutta) ; 88. C. S. Middlemiss (Cal-

cutta); 89 M. Maranhao (Goyanna); 90. J. Etchells (Poole); 91. Ed. Mallet (Genève); 92. Ch. Marseille (Paris); 93. C. Cotelo (Montevideo); 94. M. Fernandez (Montevideo); 95. R. V Idoyaga (Montevideo); 96. N. Korzlinskij (Moskvo); 97. C. Müller (Joinville); 98. M. Ŝidlovskaja (Puŝkino); 99. Fonolla Huos (Antofagasta); 100. J. M. Gelder (Halifax); 101. H. Hall (Aggebby); 102 C. G. Sterkenburg (Beltrum); 103 Fr. Pillath (Essen-Ruhr); 104. J. Bettges (Essen-Ruhr); 105. O. Kischkel (Essen-Ruhr); 106. H. Eichelhardt (Essen-Ruhr); 107. E. Ehricke (Essen-Ruhr); 108. E. Wengler (Essen-Ruhr); 109. W. Distelkamp (Brednej); 110. D. E. Parrish (Los Angeles); 111. Ed. Stettler (Bern); 112. An. Llinas (Barcelona); 113. A. Koĥ (Varsovio); 114. Al. Milsom (Genève); 115. A. Westermann (Jurjevskij Zavod); 116. St-Rudnicki (Krakow); 117. H. Rudnicka (Krakow); 118. J. Szurek (Laezki); 119. Z. Raniecki (Kobierzyn); 120. L. Blazowska (Krakow).

## DELEGITOJ DE U. E. A., ATENTU!

Niaj Delegitoj ricevis el Berlino Esperantajn cirkulerojn, per kiuj oni elektas ilin kiel « konsilistojn » de organizaĵo sin nomanta *Internationaler Verkehrsbund* kaj petas ilian kunlaboradon. Tiu ĉi organizaĵo aljuĝas al si ĝuste la saman celon kiel U. E. A. kaj plene kopias ĝian organizon. Plie, trovante, ke uzi la rezultatojn de la laboro de la aliaj estas pli facile ol mem labori, ĝi simple konsideras kiel siajn la Delegitojn de nia Asocio.

Ni do petas niajn Delegitojn, ke ĝis la dirita societo uzos korektajn procedojn, ili bonvolu sin deteni de ĉiu kunlaborado kun ĝi. Cetere tiu organizaĵo ĉesis esti Esperantia Entrepreno kaj ne plu havas ian rajton uzi la servojn de la Delegitoj de U. E. A.

Ni uzas la okazon por atentigi niajn Delegitojn, ke por eviti ĉiun malbonuzon de niaj servoj kaj de la laboro plenumita de U. E. A. sola, ili bonvolu *ne* komuniki la liston de la Esperantianoj de sia regiono al kiu ajn persono aŭ institucio, antaŭ ol peti la permeson de la Centra Oficejo de U. E. A.

Direktoro de U. E. A.

### Novaj Del., Vic. kaj Subdel.

Antverpeno (Belgujo). — VD. : Arthur Vermandel, profesoro, Bergerhoutschestraat.

Balakovo (Rusujo, Samara gub.). — D. : Ksaverio Trjcinski, agento de Vaporŝipa Societo.

Banbury (Anglujo, Oxford). — D. : S-ino Mary C. Gillet, The Elms.

Bougie (Alĝerio). — D. : Louis Gay, komercoficisto, 21e Section des Infirmiers militaires.

Boxtel (Nederlando, Nord Brabant). — D. : Hermann Haenen, Fervojestro.

Cheltenham (Anglujo, Gloucestershire). — VD. — Phipps Marston, Langdon Road.

Dorpat (Rusujo, Livland). — D. : Jan Muszynski, Inspektoro de Botanika Ĝardeno.

Germana Militŝiparo (Germanujo). — D. : Fritz Heinrich Btsm., Mt., al bordo S. M. S. Augsburg en Wilhelmshaven.

Gourock (Skotlando, Renfrew). — VD. : Andrew B. Hill, 42, Wellington Street, Greenock.

Gross-Schœnau (Germanujo, Kgr. Sachsen). — D. : Karl Christoph, komercisto, Postfach.

Kahla (Germanujo, S. A.). — D. : Leo Jolliet, poŝtasistanto.

Kontejka (Turkujo, Samos). — SD. : Kristos Despinis, instruisto.

Larnaca (Turkujo, Chypre). — D. : Edouard Cirilli, riprezentisto-komisiisto.

Magnezio (Turkujo). — SD. : Kristodulo Malagaris, instruisto, ĉe S-ro Dimostenis Saroglou.

Nenedes (Turkujo, Samos). — D. : Demetrio N. Roussakis, instruisto.

North Platte (Usono, Nebraska). — D. : E. H. Flowers, profesoro.

Ootmarsum (Nederlando, Overijssel). — D. : I. Van den Hout.

Paris-Bastille (Francujo, Seine). — SD. : A. Reinaud, 43, rue des Tournelles.

Porto (Portugalujo, Porto). — VD. : Joaquim Teixeira Barroea, Rua do Bolhão, 19.

Sampierderana (Italujo, Genova). — D. : Eugenio Rondini, Via Umberto 1o, 49-3.

Santa Coloma de Farnes (Hispanujo, Gerona). — VD. : Petro Costa, Prokuroro, strato Centro, 17.

Savona (Italujo, Genova). — D. : D-ro G. B. Pastorino, profesoro, Pensionato per Giovani Americani, Via della Tagliata, 19.

Ŝĉelkovo (Rusujo, Vladimir gub.). — D. : Serg. Surovcev, Sever j. d. Krasilnoappreturnaja, fabriko Poljakova.

Stavrinides (Turkujo, Samos). — D. : M. Vouvounas, instruisto.

Védène (Francujo, Vaucluse). —D. : Baptistin Bernard, lignaĵisto.

### Ŝanĝoj.

Blois (Francujo, Eure-et-Loire). — D. : Camille Raphaël Faucher, rue Bourg-Neuf, 14.

Caracas (Venezuelo). — D. : Marcelo Maldonado, kat pastro, Sur 1-77 entre Cruz Verde y Velazquez.

Debreczen (Hungarujo, Hajdu). — D. : Peter Tœrœk, profesoro, Mester utca 1 sz.

Essen a./Ruhr (Germanujo, Rheinland). — VD. : E. Wengeler, Ĥemiisto, Rütten scheider Platz, 8.

Graz (Austrio, Stirio). — D. : Rudolf Pettera, Keplerstrasse, 8, III.

Guantanamo (Antilioj, Cuba). — D. : Jean Rigol Panella, Apartado, 128.

Hannover (Germanujo, Hannover). — D. : Fr. Roever, Podbielskistrasse, 284.

Kiew (Rusujo, Kiew). — D. : Leono Illaŝeviĉ, Moskovskaja, 26.

London (Anglujo). — VD. : Filipo Kaliski, komercisto, 133-136, High Holborn.

Sissach (Svisujo, Basel). — SD. : Fetzer, Rheinfelderstrasse.

Thorn (Germanujo, Preussen). — D. : Kurt Trenkel, Gerstenstrasse, 6.

Varsovio (Rusujo, Polujo). — D. : Vladislav Hirszovski, publicisto, str. Erywanska, 4.

Verona (Italujo, Verona). — D. : Americo Reni, librotenisto, Viale Spolverini, 22,

Villemaur s./V. (Francujo, Aube). — D. : Gaston Gaillard, makleristo.

Villeneuve-l'Archevèque (Francujo. Yonne). — SD. : Rousselet, Distriktestro de la Fervoja, Komp., 21, rue de la République.

Zombor (Austrio, Hungarujo). — D. : Gaber Diosy, str. Dob. N-o 21.

Zürich (Svisujo, Zürich). — D. : Hans Joachim Unger, Turnerstr, 1.

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj (1).

Bradford (Anglujo). — Esperantista Societo. Prez. : John T. Holmes.

Bromberg (Germanujo). — Bromberga Esperantista Unuiĝo. Adr. : Neuer Markt, 8.

(1) La aliĝoj de tiuj Entreprenoj estis ricevitaj post la presado de la Oficiala Jarlibro 1912.

Dresden (Germanujo). — Pensiono Tillmann. Adr. : Reichsstrasse, 24.

Dresden (Germanujo). — Dresdener Esperanto Verein. Adr. : Dresden A., 29, Klopstockstr, 18.

Genova (Italujo). — Itala Federacio Esperantista. Adr. : Visco Parmigiani, 1 (apud Piazza Fontane Marose).

Genova (Italujo). — « Esperanto ». Adr. : Visco Parmigiani, 1 (apud Piazza Fontane Morose).

Hamburg (Germanujo). — Laborista Esperanto Grupo, Hamburg,

Hamburg (Germanujo). — Esperanto Unuiĝo « Progreso », Hamburg.

Hamburg (Germanujo). — Jones kaj Kio. Adr. : Hamburg, 11, Herrengraden, 11-14.

Kutna Hora (Bohemujo, Moravio). — Esperantista Klubo, P. : Al. Horaček.

Krakovo (Galicio). — Akademia Esperantista Asocio, Krakovo.

Le Creusot (Burgonjo). — Esperantista Grupo de Le Creusot. Adr. : 18, Place Schneider.

Le Havre (Normandio). — Havra Esperanto Komercejo. Adr. : 7, rue Hélène.

Moskvo (Centra Rusujo). — Moskva Vegetara Societo. Adr. : Restoracio de Moskva Vegetara Societo.

Paris (Pariza Distrikto). — Grupo Esperantista. — Adr. : 3, place Jussieu.

Vilna (Okcidenta Rusujo). — Vilna Esperantista Societo. Adr. : str. Ĥersonska, 4.

# ORGANIZA DEMANDO

En *Noweselo k. Pidwoloczysk* (Galicio) kunvenis la 12 dec. 1911 grupo de ukrainaj esperantistoj kaj decidis :

La grupo de Ukrainaj esperantistoj en Noweselo k. Pidwoloczysk aprobas tute la projekton de la Centra Komitato de U. E. A. koncerne la organizon de l'Esperantistaro. Ĉar per kreo de nova organizo ekaperos nova konfuzo, tre danĝera por la nia tuta afero, oni devas nepre kunfederigi la ekzistantajn propagandajn societojn kun U. E. A. laŭ la projekto de Centra Komitato de U. E. A. — Tial la elektita dum la VII Kongreso komitato por studi la organizan demandon — devas nepre akcepti la supre diritan projekton. Alie la Komitato, en kies manoj nun troviĝas la sorto de l'tuta Esperantistaro, kreos malordon kaj konfuzon por multaj jaroj.

*Subskribis :*

Stefan Safian, Sekretario.

Les Denysiuk, Prezidanto.

.˙. La 15 dec. 1911 kunvenis la Esperantianoj de regiono Noweselo k. Pidwoloczysk (Galicio) kaj decidis la jenon :

Konsiderante, 1. ke internacia organizaĵo U. E. A. jam pruvis sian utilecon kaj praktikecon de siaj servoj, kiuj estas ĉie kaj ĉiutage uzataj ; 2. Ke U. E. A. estas fondita sur tre demokrataj principoj ; 3. Ke per kreo de nova internacia organizaĵo oni nur kreos konfuzon ; Pro tiuj kaŭzoj tute aprobas la deklarojn de S-ro Hodler, la agadon de U. E. A. ĉe la Sepa Kongreso, precipe pri la solvo proponita de la Centra Komitato de U. E. A. koncerne la organizon de Esperantistaro.

.˙. En parolado farita pri U. E. A., la Del. de Glasgow esprimiĝas jene :

« ...La proponita internacia organizo de la tutmonda Esperantistaro verŝajne havos grandan influon sur la estontecon de U. E. A. kaj la problemo ne estas facile solvebla. Kio enfine devenos de la nuntempa polemikado estas tute necerta, sed almenaŭ oni povas konstati, ke la dueco de internaciaj organizaĵoj ne nur estas nedezirinda, sed eĉ danĝera. Ŝajnas al multaj el la malnovaj batalantoj por la verda standardo, ke la tempo kaj energio tiel ofte malŝparataj per senfrukta parolado pri detaloj estus pli bone utiligataj por efektiva propagando. Kompreneble, la homo, kiu emas fari reklamon pri si mem bone scias, ke la plej rapida vojo al konateco estas bruema polemikado kaj laŭtvoĉa disputado en niaj kongresoj. Tamen, la fina triumfo de Esperanto nepre devenos de la silenta senĉesa laboro de la nekonataj fervoruloj, kiuj malofte parolas sed konstante klopodadas, tagon post tago, monaton post monato, jaron post jaro ! Inter tiaj la mil Delegitoj de U. E. A. ne estas la malplej sindonemaj. Ĉu ili kaj ilia Asocio ne meritas la praktikan subtenadon de la Esperantistaro ?

# NIA KOMERCA KONKURSO

Ni rememorigas al ĉiuj Esperantianoj la komercan konkurson pri Esperantaj reklamiloj, kiun ni anoncis en *ESPERANTO* de 5 novembro 1911. Laŭ la peto de kelkaj legantoj ni ripetas la kondiĉojn de tiu konkurso.

Ĉiu Esperantisto povas partopreni en tiu konkurso ; li nur kolektu plej multnombrajn *reklamfoliojn* ĉiuspecajn (nur la komercajn ; oni ne akceptas la reklamilojn pure esperantajn, kiel prospektoj de la Esperantistaj gazetoj, grupoj) ; por tio, ĉiu konkursonto trarigardu la unuan liston de komercaj Esperantistaj firmoj, starigitan de S-ro Bailey kaj publikigitan en la 2-a numero de la *Komerca Bulteno* de U. E. A. (5 julio 1911), kaj skribu al tiuj firmoj — kaj ankaŭ al aliaj, kiujn li konas — por peti iliajn katalogojn kaj prospektojn. Kiam lia kolekto ŝajnas al li sufiĉe plena, li ĝin sendu, afrankite, al : *ESPERANTO*, 10, rue de la Bourse, Genève, Svisujo, surskribante « Komerca Konkurso ».

U. E. A. elektos specialan juĝantaron, kiu ekzamenos la sendaĵojn kaj rekompencos la plej kompletajn. La *donacotaj premioj* valoras **10, 5** kaj **3 Sm.** (duono per libroj, laŭ elekto). La kolekton, kiu estos gajninta la unuan premion, konservos U. E. A. por siaj ekspozicioj.

Ni alvokas al ĉiuj Esperantistoj ĉiulandaj por ke ili partoprenu en tiu konkurso kaj helpu nin ; efektive, tre gravaj estos la konsekvencoj de tiu konkurso, el kiu rezultos kvarobla profito :

1e Profito por la gajnontoj al kiuj estos rezervataj ŝatindaj premioj, kiuj facile pagos la elspezojn kaj klopodojn.

2e Profito por komercistoj, al kiuj oni faros tiel senpagan reklamadon per la multfoja ekspoziciado de iliaj reklamiloj dum la kongresoj kaj kunvenoj okaze de kiuj la plej plena kolekto estos publike montrata.

3e Profito por nia propagando, ĉar per tiu fakto, ke ili ricevos, okaze de tiu tutmonda konkurso, multajn petojn pri katalogoj, la komercistoj komprenos la disvastigadon de nia movado kaj sekve la utilecon de reklamado en Esperanto.

4e Fine, grava profito por nia Asocio, kiu tiel sukcesos starigi plenan liston, tre utilan por la estonto, de la Esperantistaj komercaj firmoj kaj poste, posedos belan kaj kompletan kolekton de tiuj komercaj reklamiloj, prospektoj, cirkuleroj, katalogoj k. t. p., kiu multe utilos en ĝiaj ekspozicioj.

La lastan tempolimon por la sendaĵoj ni fiksis je la *1-a. de Marto 1912.* Ni esperas, ke kiel eble plej multaj legantoj partoprenos en tiu konkurso.

# TRA EŬROPO PER U. E. A. !

*Raporto al U. E. A., pri Parolad-vojaĝo de S-ro. Parrish*

Ĝis hodiaŭ, la lasta tago de la jaro 1911, mi estas jam vojaĝinta en Eŭropo, tra Esperantujo 8 kaj 1½ monatojn. Kaj finante la unuan duonon de mia vojaĝo, mi volas prezenti tie ĉi resumon de tiu finita parto, kaj mallongan skizon de la parto farota.

Mi trapasis 18 diversajn landojn kaj terpartojn, vizitante la jenajn urbojn en la nomata ordo: Le Havre, Rouen, Paris, Vesoul, Chalon-sur-Saône, Lyon, Grenoble, Torino, Genova, Firenze, Siena, Roma, Napoli, Palermo, Messina, Malta, Tunis, Alger, London, Kristiania, Stockolm, Gôteborg, Halsingborg, Kopenhag, Amsterdam, Hago, Antverpeno, Bruselo, Magdeburg, Breslau, Krakovo, Lemberg, Buda Pest, Belgrado, Sarajevo, Zagreb, Kolozsvar, Prostejov, Budejovice, Munhen, Augsburg, St-Gallen, Zurich, Luzern, Bern, Lausanne, kaj fine, Geneve.

En ĉiuj okazoj mi uzis nur la servojn de U. E. A., delegitoj kaj kiel adresaron nur la bonegan Jarlibron de tiu Asocio. (Mi provis uzi du aliajn adresarojn en la komenco, sed en la unua monato devis ilin forjeti pro tro ofta nekorekteco de la adresoj). Sed la libron de U. E. A. mi portadis konstante, tiel ke ĝi nun estas multe ĉifita, kaj preskaŭ disfalanta. Sur la supra parto de ĝia kovrilo staras la vortoj « Esperantia Biblioteko ». Mi surgluis paperpecon por kaŝi la du lastajn silabojn, kaj nun la libreto portas nomon, kiun mi trovas tute taŭga « Esperantia Biblo ».

Mi estas en Ĝenevo nun, kaj mi vizitis tie ĉi la grandan centran oficejon de U. E. A., kaj por la unua fojo mi nun komprenas la veran gravecon de tiu ĉi Asocio. Ĉar, kvankam mi estas uzinta kaj multe profitinta la servojn de ĝiaj agentoj jam en 18 landoj, nur tie ĉie mi povis vidi la ĉiutagan funkciadon de la vere mirinda organizaĵo, kiu kunligas ĉiujn disajn reprezentantojn, tiamaniere ebligante la liveradon de servoj internaciaj ie ajn en la mondo. Ne pensu ke la « servoj » de tiu ĉi granda organizo estas malgravaj. Memoru ke la servoj de mi petitaj estis neniaj ordinaraj, kiel ekz. simplaj informoj per la poŝto, aŭ dekminuta babilado, kiam mi venis en iun urbon Mi petis *specialajn* servojn, nome; la detalan, kaj preskaŭ ĉiam multtagan klopodigan aranĝadon kaj anoncadon de publikaj reklam-paroladoj. Tiuj estas grandaj servoj, kiujn oni *ne* povas peti de iaj okazaj amikoj, aŭ de adresoj hazarde en iu adresaro aŭ ĵurnalo trovitaj, sed *nur* de organizita agentaro, al kiu oni povas sin turni kun certeco pri la respondo, kaj sciante ke la petitaj servoj estos laŭeble bone kaj ĝustatempe plenumataj.

Tiamaniere mi aranĝigis 42 paroladojn en 47 urboj. Ĉu la aranĝoj estis bone faritaj aŭ ne, vi mem juĝu laŭ la jenaj statistikoj: en 24 urboj pli, ol 200 ĉeestantoj; en 7 urboj pli ol 500; en 3 urboj, pli ol 1.000; kaj en 2 urboj pli ol 2.000 ĉeestantoj. Nur en 6 urboj malpli ol 200 aŭdantoj.

Nur dank'al la akurateco de tiuj ĉi servoj, kaj la senpartieco kun kiu ili estis plenumataj, estas eble por mi starigi vojaĝplanon tra multaj diversaj landoj, kaj neniam senti la diversecon de la lingvoj. Mia nuna plano por la vojaĝo post januaro estas jena: Sud-Okcidenta, Okcidenta, Nord-Okcidenta kaj Norda partoj de Germanujo; Danujo, Norvegujo, Svedujo, Finlando, Rusujo, Polujo, Rumanujo, Bulgarujo, Grekujo kaj Turkujo (1).

Vere la problemo de vojaĝado fariĝas tre simpla kiam oni povas trapasi pli ol 25 landojn kun ne pli da malfacileco ol estis antaŭe traveturi unu regionon.

En lokoj kie ekzistas du aŭ pli da grupoj kiuj ne tute interkonsentas inter si, preskaŭ ĉiam mi trovis ke la Delegito estas neŭtrala. Ŝajnas ke, plenumante la taskon de U. E. A., ti kvazaŭ perdas la mallarĝan vidpunkton de grupano, aŭ de urbano, aŭ eĉ de naciano, kaj anstataŭe akiras la pli liberalan elvidon de la internaciano. Mi estas kontenta trovi, ke en la plej multaj lokoj, kie ekzistas iaj malkonsentoj inter grupoj aŭ eĉ inter grupanoj, la Delegito funkcias kvazaŭ kiel paciganto, aŭ, almenaŭ, senpartie.

Mia entrepreno bezonas la harmonian kunlaboron de *ĉiuj* esperantistoj en la urboj vizitataj, kaj kelkafoje mi havis la plezuron konstati, ke la aranĝoj sukcesis *nur* dank'al la klopodoj de la Delegito, kiu estis tute neŭtrala kaj tial povis kunlaborigi *ĉiujn* partiojn.

Do, mi havis la okazon sciiĝi ke la Delegito plenumas multajn rolojn. Li devas esti Esperantisto, Diplomatisto, Parolad-aranĝanto, Oficiala Gvidanto tra la urbo, kaj, super ĉio li estas, preskaŭ ĉiam almenaŭ, la Neŭtralulo dum la malkonsento — kaj fine la Paciganto. Kaj pro tiuj lastaj ecoj de pacemo kaj neŭtraleco li estas la plej estiminda, ĉar ili estas vere malfacilaj roloj.

D. E. Parrish.

(1) Ĉar la plano de S-ro Parrish estas starigita kaj la datoj fiksotaj unu monaton antaŭ ol la paroladoj en iu distrikto povas okazi, ni petas ke la grupoj en la trapasotaj regionoj bonvolu al ni *tuj* informi ĉu ili intencas aranĝi liajn paroladojn.

# Alvokoj

## Tolstoja Muzeo

La Tolstoja Societo, kiu jus aliĝis kiel Esperantia Entrepreno, estas fondita en S. Peterburgo por honorigi kaj diskonigi la agadon de grafo L. N. Tolstoj ĉiuflanke studante kaj disvastigante liajn verkojn.

Por atingi tiun ĉi celon, la Societo: 1. malfermis *bibliotekonmuzeon*, en kiun ĝi kolektas ne nur ĉiujn verkojn, sed laŭeble ankaŭ ĉiuspecajn manuskriptojn presaĵojn (1) kaj objektojn rilatantajn ĝian vivon kaj verkojn; 2. entreprenas esplorojn de la signifo de L. N. Tolstoj en rilatoj historia, arta, morala ktp,; plie, ĝi stimulas tiaspecajn esplorojn. aljuĝante premiojn por la plej bonaj el ili; 3. aranĝas publikajn kursojn pri L. N. Tolstoj ktp.

Unu el la Sekcioj de tiu ĉi Muzeo, estonte la plej necesa por la historiisto estas la Sekcio, nomata « Tolstoviana ». Oni penadas kolekti tie ĉion skribitan pri li en *ĉiuj lingvoj de la Terglobo*. Ni posedas diversajn skribaĵojn kaj tradukojn en *31* lingvoj; sed niaj bibliografiaj informoj atestas, ke Tolstoj estis legata kaj komentata en pli, ol *100* lingvoj kaj dialektoj.

Ni insiste petas ĉiujn Del. kaj ĉiujn Esp-ianojn kiel eble pli diskonigi al la admirantoj de la granda romanisto kaj moralisto, ke ekzistas Tolstoja-Muzeo en Peterburgo, kaj oni danke akceptas tie ĉion, skribitan pri li aŭ tradukitan el liaj verkoj en kia ajn lingvo.

Oni sendu ĉion laŭ la jena adreso: Tolstoja-Muzeo, Vasilevskij ostrov. 1-a linija, N. 24, loĝ. 8, *S. Peterburgo* (Rusujo).

Mihail Staĥoviĉ,

Vicprezidanto de Tolstoja-Muzeo (Esp-ia Entrepreno), Membro de la Rusa Imperia Konsilantaro.

## Fotografu la Katojn !

Mi intencas fari ilustritan eldonon de la Verko « La Kato » kiu estis sufiĉe ŝatata de la Esperantistoj. La eldono esp. estas jam preskaŭ elĉerpita. Mi opinias, ke estos grave por nia afero precipe en Italujo, l'apero, en luksa kaj ilustrita eldono internacia, de verko, kiu ne havas tiajn eldonojn en la originala lingvo.

Por atingi la celon mi petas de la samideanoj, fotografaĵojn aŭ ilustritajn poŝtkartojn (ne kolorigitajn kaj en malfermita koverto) kun katoj en kia ajn pozo. El la sendotaj fotografaĵoj mi elektos la plej taŭgajn por ilustri la libron.

La afablaj sendontoj estos rekompencitaj laŭ sia deziro. Antaŭdankojn kaj samideanajn salutojn.

A. Tellini, Delegito U. E. A.,
str. Vallescura, 11. Bologna (Italujo).

## Vizitu Irlandon !

Pri la interesa artikolo titolita *Skizoj el Irlando*, kiu troviĝas en la lasta N-o de *Esperanto*, permesu, ke mi rimarkigu, ke la Kvina Ĉiujara Kongreso de la Brita Esperanta Asocio okazos la proksiman Pentekoston, ĉe Portrush, en la nord-oriento de Irlando. Oni vojaĝos tien laŭ la priskribita en la artikolo vojlinio, t. e., laŭ London, Harwich, aŭ Hull, kaj Liverpool, Fleetwood, aŭ Hegsham, al Belfast, de kiu urbo oni antaŭeniros vagonare ĝis Portrush.

Portrush estas ĉarmega turistejo, trolaĝata ĉiusomere de miloj da vizitantoj. Kuŝante sur promontoro etendiĝanta en la Atlantiko, ĝi estas fama por sia saniga aero, sia glora maro, kaj la belega pejzaĝo de sia marbordo. Apude troviĝas la mond-konata Giant's, *Causeway* (Trotuaro de Grandeguloj), mirinda natura bazalta kolonaro, etendiĝanta kiel grandega abelĉelaro en la maro, kaj flankata de grandiozaj krutaĵoj. Ni aranĝos ekskurson al la Trotuaro, ankaŭ al Glenariff, belejo de la Antrim montoj, al Londonderry, rimarkinda pro sia fama sieĝo, kaj al aliaj interesaĵoj.

La Kongreso okazos la 25, 26, 27 kaj 28 majo 1912, kaj la tuta kosto de alveno en Belfast ĝis reveno tien, enkalkulante loĝadon, vojaĝadon, kaj ekskursojn estos proksimume 15 Sm. kompreneble, tio ne enkalkulas la koston de la vojaĝo ĝis Belfast, sed por tio, specialaj rabatbiletoj estos uzeblaj.

Tre kore ni invitas niajn alilandajn samideanojn nin viziti dum la kongrestagoj. Kredeble, neniam ree okazos tiel facila kaj malmultkosta rimedo por vidi nian belan landon. Kuniĝante al anaro de London aŭ Hull, ili havas esperantan kunecon dum la vojaĝo, tiel neniigante la lingvan malhelpon, kiu en Anglujo estas timinda por la fremdulo.

Ĉiuj informoj estos ĝoje donataj de

Freeman W. Crofts,
Railway Station Coleraine, Irlando.
Hon-Sekr de la Kongreso.

## Peto al ĉiuj

Multe interesiĝante pri la lerneja demando, mi decidis uzi Esperanton, kiel rimedon por ekkoni la antaŭan kaj nunan staton de la meza lernejaro en tuta mondo. Mi min turnas al ĉiuj lernantaj kaj lernintaj en la meza lernejo kun sekvanta peto :

Bonvolu ĉiu skribi al mi pri influo de lernejo, kolegoj instruistoj je li, pri liaj impresoj, ĉu danke li rememoras la lernejon ktp., ktp. Estas dezirinde ankaŭ, ke oni skribu dum kiuj jaroj oni vizitis la lernejon. Kompreneble la plej detalaj respondoj havas pli grandan valoron, sed kiu ne volas aŭ ne povas skribi multe, bonvolu respondi per kelkaj vortoj ĉar ankaŭ malgranda respondo estas pli bona al neniu.

Mi multe dankas ĉiujn partoprenontojn de ĉi tiu enketo.

Mia adreso : *Homel, Rusujo, David Vigodskij.*

P. S. — Mi petas *ĉiujn* esperantajn gazetojn represi ĉi tiun alvokon kaj, se estas eble, sendi al mi la numeron, en kiu ĝi estos presita.

D. V.



(1) Personoj, ne povantaj oferi tion bonvole, estas pagataj de la Muzeo por ĉio, koncernanta L. N. Tolstoj prezentanta ian valoron por la Muzeo.

NOTTINGHAM (Anglujo). — S-ro Jesse Mc. Quire, 126 Hungerhill Road, PI. (kun samideanoj en malproksimaj landoj).

NOVOČERKASK/DONA (Rusujo). — S-ro A. Ponomarev, Unijne Oblastnogo Hospitala, PI.

NOVOČERKASK/DONA (Rusujo). — S-ro Boriso Popov, Mariynskaja 36, PM.

OMSK (Rusujo, Siberio). — S-ro N. Gerasimovič, Novodoprovodnaja 44, PI.

PALICSFÜRDŒ (Hungarujo). — S-ro Albin Fuchs, bankoficisto, PI.

POIX DE LA SOMME (Francujo). — S-ro Ch. Lacoche, PM. (ne sendas la unua) PI. (nur famaj monumentoj).

BAKOSLIGET (Hungarujo). — S-ro Ludoviko Wandra, gimnastikisto, XIII-strato N-o 9., PI.

RAKOVNIK (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Hynekčerny, arkitekto, PI. PM.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro C. Vellozo, rua 7 Septembo, PM.

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro J. P. L. Niesten, Claes de Vrieselaan 67 L. (pri komerco kaj industrio).

SAINTE-SAVINE (Francujo, Aube). — S-ro Fort, 12, rue Louis Blanc, PI.

SAMPIERDARENA (Italujo). — S-ro Angelo Buzzo, C. P. 40, PI.

SAN FELIN DE GUIXOLS (Hispanujo-Katalunujo). — S-ro Joh. Pagés, poŝtejo PM. (kun ĉiulandaj samideanoj).

SAN FELIN DE GUIXOLS (Hisp., Katalunujo). — S-ro Narciso Soler, str. Caymo 24. PM. (kun ĉiulandaj samideanoj).

ST-PETERBURG (Ruslando). — S-ro N. Klimov, Kanonerski pereulok 4, kb. 15, PI.

TROYES (Francujo, Aube). — S-ro Charles Conraud, 18, rue de la République. PK. (kun ĉiulandaj samideanoj).

UFA (Rusujo). — S-ro V.-V. Zavjalov, Reallernejo- instruisto, naturalisto kaj bienhavanto (kor. pri geografio, agronomio, etnografio kaj kolektas vidaĵojn).

VALENCIA (Hispanujo). — S-ro Jesus Mazian, Munoz Degrain 14, PI.

WEST BRANCH (Usono, Iowa). — S-ro F. H. Battey, PI. K.

WIEN (Aŭstrio). — Sino, Julie Jaroŝ, Hœrnesg, 24, Wien III/2 PK. PI. L.

ZMERINKA (Rusujo). — S-ro Johano Porkhomovskij, poŝte restante, PI. L. (kun ĉiulandaj samideanoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU ! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

---

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo. Oni parolas Esperante.

---

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. I,25 — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse 19.

---

GESAMIDEANOJ. — Ĉiu mendu por propagando tuj specimenojn laboritajn de sam. L. Wied. — Gürtler en Ludwigsburg. Belaj metalaj esp. fotografkadroj, vizito Sm. 75, kaj Sm. 1, — aŭ alia ; skribilaro Sm. 3, kun kartejoj Sm. 4, — kun horloĝoj duoblaj Sm. 10. — Solvendado eksterl. Georg. F. Klefe, Lübeck (Germ.) ekstreme malkara.

---

GRANDEGA SEKRETO. — Ĉu viro, ĉu virino — vi estas tute egale ; sed se vi estas juna memama, riĉa kaj se vi dezirus brili en mondo, bonvolu vin turni al mi : mi malfermas al vi gravegan aferon. La vivo estas mallonga. Pro tio rapidu vivi. Skribu al S-ro Rafganov poste restante Pjatihori-Kiev gub. (Rusujo).

---

Ĉiu vera Esperantisto skribas nur per eminentkvalitaj *Esperantaj krajonoj kun nomo de D-ro L. Zamenhof*, kiujn produktas fama krajonfabriko.

« GRAPHIUM » en Ĉ. Budejovice (Bohemujo).

Ĉi tiuj belaspektaj krajonoj kun aparta mekanismo estas vendataj al Esperantistaj kluboj aŭ al iliaj anoj po *94* heleroj por ĉiu peco, se oni mendas almenaŭ 100 krajonojn — afrankite, sed *sen limdepago* kaj nur kontantpage.

La vendadon senrekompence peras : Esperantista klubo en Ĉ. Budejovice (Bohemujo).

GRAVA ! Ĉi tiujn krajonojn oni vendas nur al Esperantistoj aŭ iliaj kluboj, *nepre ne al komercistoj !*

---

ĴUS APERIS : LA TREZORO DE L'ORAĴISTO, historia romano de August Ŝenca, la sudslava Turgenjev. Trad. Fran Kolar Krom (Bjelovar, Kroatujo) 29° paĝoj kun portreto de l'aŭtoro. Nur 1 Sm. — Aĉetebla en ĉiu librovendejo kaj ĉe la tradukinto. Alilandulo aldonu 15 % por afranko.

---

LA DELEGITO DE U. E. A. EN MADRID (Hispanujo) petas ĉiujn Esperantianojn sendi al li unu ilustr. poŝtkarton kun vidaĵo, pejzaĝo aŭ iu ajn bildo de ĉiu lando por fari per ili propagandan ekpozicion. Li antaŭe dankas. Adreso : S-ro Ant. Lozana, str. Bailen 24.

---

POŜTMARKOJ. — Fr. Pihan, Praha I-211 (Aŭstrio), deziras ricevi 50-100 markoj ordinaraj el Bulgarujo, Serbujo kaj Grekujo. Kontraŭ tio, li sendos — laŭ deziro — aŭ markoj aŭ vidaĵkartoj aŭ mono.

---

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

---

RIPREZENTADO POR BULGARUJO. — Ceno J. Partov, Vraca (Bulgarujo) Vigla komercisto, serĉas alilandajn riprezentadojn por Bulgarujo de ĉiuspecaj komercaj firmoj kaj fabrikoj. Mi liveras diversajn krudajn komercaĵojn.

---

ŜAKLUDO. — Kolonelo-Leŭtenanto Pillon, Romans, Francujo, deziras trovi samideanojn, kiuj bonvolos ludi kun li.

---

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

---

UNIVERSITATE STUDINTA SINJORO, flue parolanta angl., franc., germ. kaj Esperante kaj bone posedanta aliajn lingvojn, serĉas oficon, kie lingvoj konoj ĉefa necesaĵo, ekz. sekretario, bibliotekisto, vojaĝisto, gvidisto. 12 jaroj en lasta oficejo. Bon. ref. Proponojn al : « Lingvoj » ĉe Esperantio, 10, rue de la Bourse, Ĝenevo.

---

VINO EKSPORTO, pogrande kaj malgrande al ĉiuj landoj. Riprezentisto : Paul Hess, Roon-str., Hannover, Germanujo.

---

WANDSBECK APUD HAMBURG (Germanujo). — S-ro Aug. Erüggemann, Mansfelderstr. 42 PI., kaj gezetoj. Atentu. Bonvolu skribi al mi per PI. vian naskiĝotagon kaj mi sendos al vi ĉiujare belan germ. bondezirkarton.

---

KRIZANTEMOJ kun grandaj floroj. Kolekto da 250 malsimilaĵoj. Oferas junajn kreskaĵojn tre vivantajn, sendeblajn en Marto-Aprilo. Prezo : 5 frankoj po 12 specoj malsimilaj, Koloroj tre diversaj. Katalogon laŭ peto. S-ro A. Hollert, amatora ĝarden kulturisto, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

*La Administranto (Gérant)* : MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15. rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


